der esperantist

Mitteilungsblatt der Esperantofreunde der DDR im Deutschen Kulturbund

5. Jahrgang Nr. 44 November–Dezember 1970 30 Pf

# Abschlußerklärung

## *der Teilnehmer des 1. Zentralen Treffens der Esperantisten der DDR im DKB am 26. und 27. September 1970 in Karl-Marx-Stadt*

**Die Esperantisten der DDR im Deutschen Kulturbund können auf eine fünfjährige erfolgreiche Tätigkeit zur Stärkung ihrer Republik zurückblicken. Dabei haben sie die revolutionären Traditionen der Arbeiter-Esperanto-Bewegung in ihrer Arbeit schöpferisch angewandt. Diese geleistete wertvolle Arbeit brachte den Esperantofreunden und ihrem Interessengebiet eine steigende Wertschätzung.**

**Die 70er Jahre stellen allen Bürgern der DDR neue Aufgaben. Die erhöhten Anforderungen, die die verschärfte und ständig komplizierter werdende Auseinandersetzung mit dem Imperialismus auch an die Esperantisten der DDR stellt, erfordern somit eine höhere Qualität in der Realisierung der Richtlinien. Es gilt daher im besonderen:**

- **das staatsbürgerliche Bewußtsein eines jeden Esperantisten zu erhöhen, um ihn noch besser für die ideologische Auseinandersetzung mit dem Imperialismus zu befähigen;**
- **in der individuellen und Kollektivkorrespondenz, durch den Versand geeigneter Materialien und persönliche Gespräche den Esperantisten des Auslandes die Notwendigkeit der völkerrechtlichen Anerkennung der DDR für die Erhaltung des Friedens in Europa zu erläutern, alle Initiativen für ein System der europäischen Sicherheit aktiv zu unterstützen und eine schnelle Ratifizierung des Vertrages zwischen der SU und der BRD zu fordern;**
- **die Solidarität mit Vietnam und den anderen Völkern Indochinas noch intensiver als bisher weiterzuführen;**
- **aktiv am geistig-kulturellen Leben im DKB, unter Berücksichtigung der durch die Esperanto-Arbeit gegebenen Spezifik, teilzunehmen, um die Herausbildung sozialistischer Persönlichkeiten weiter zu fördern;**
- **die Esperantogruppen im DKB ideologisch, fachlich und organisatorisch wesentlich zu festigen;**
- **in Erfüllung des Staatsratsbeschlusses zur Arbeit mit der Jugend in der DDR bewußte, junge Menschen für die Mitarbeit in den Esperantogruppen des DKB zu gewinnen.**

# *Unua Centra Renkontiĝo de la Esperantistoj de GDR*

1970 estas jaro de jubileoj. La 100-a naskiĝtago de W. I. Lenin estis tutmonde omaĝata. La civitanoj de GDR krome festis la 25-an jubileon de la liberiĝo el sub la faŝisma jugo. Sed ankaŭ la esperantistoj havis specialan okazon festi, bilanci, perspektivi. Ja 5 jarojn ili jam aktivas, oficiale subtenata, plenrajte kaj kun konsiderindaj sukcesoj, kun ĉiuj karakterizoj de landa asocio, en la kadro de la *Germana Kulturligo*. Tiu multflanka kaj en GDR unika kulturmovado iĝis eksterordinare taŭga domicilo de la esperantistoj de GDR. Do estis logike, ĝuste en tiu-ĉi jaro, en kiu ankaŭ la GKL havis sian 25-an fondiĝ-jubileon, okazigi la *Unuan Centran Renkontiĝon* de la esperantistoj de Germana Demokratia Respubliko.

Ĝi okazis vendrede la 25-an de septembro ĝis dimanĉo, la 27. 9. 1970 en Karl-Marx-Stadt, kiel *oficiala poŝtstampo* kaj *la multaj gazetraportoj* atentigis (vidu pĝ. 21/22). Post sukcesa ĵaŭda *gazetarkonferenco* jam vendrede vespere multaj esperantistoj interkonatiĝis aŭ religis malnovajn kontaktojn, aŭskultante esperantajn diskojn. Antaŭ la *200 delegitoj* el pli ol 100 grupoj de GDR sabate matene la prezidanto de Centra Laborrondo Esperanto de GDR, komerca konsilisto *Rudi Graetz*, malfermis la Renkontiĝon. Post li salutis la delegitojn la membro de la prezidio de l'Germana Kulturligo *Alex Ständel*, substrekante ke la esperantistoj de GDR alportis eksterordinarajn rezultojn akorde kun la sociaj taskoj de ilia



*La prezidumo de la Renkontiĝo dum la ĉefreferaĵo de maldekstre la s-roj Erich Würker, Manfred Fiedler, Detlev Blanke, Alex Ständel, s-ino Alice Schödl, Rolf Betheke*

---

(Fortsetzung von Seite 1)

**Die Esperantisten der DDR im Deutschen Kulturbund werden alles tun, um ihrer Verantwortung als Staatsbürger der DDR in den 70er Jahren gerecht zu werden.**

**Karl-Marx-Stadt, den 27. September 1970**

ŝtato, kiuj estas multflanke aprezitaj kaj aprezataj. Salutojn kaj rekonajn vortojn por la agado de la esperantistoj de GDR ankaŭ trovis la urbokonsilisto por kulturo de Karl-Marx-Stadt, *s-ro Arlt*, la unua distrikta sekretario de GKL *s-ro Manfred Fiedler* kaj per salutletero alia reprezentanto de la *distrikta partia estraro*. Sekvis la inaŭgura prezento de la *unua kolora sonfilmo en Esperanto*, produktita en GDR kun la titolo *„GDR en la 20-a jaro"*. La Metropol-kinejo, kie okazis la malfermo, por tio tre taŭgis. La filmo forte impresis la rigardantojn kaj sekvigis spontanan aplaŭdon. La prezidanto de CLR, *Rudi Graetz* en sia ĉefreferato skizis la 5-jaran laborperiodon de la esperantistoj de GDR en GKL. Li montris la konsiderindajn sukcesojn atingitajn ĝis nun, sukcesoj por la respubliko kaj, sendube, ankaŭ por la plialtigo de la prestiĝo de Esperanto. Tiuj sukcesoj nur eblis, ĉar pli kaj pli da esperantistoj komprenis, ke necesas dialektika unueco inter la individuaj kaj sociaj interesoj. Kaj la persona ĝojo labori per kaj por Esperanto kaj la socia rekono de la sociutila laboro donas solidan fundamenton por la estonta promesoplena agado. La gravega idea, financa, teknika kaj funkciula subteno, kiun donas GKL por sia esperantista organizaĵo, meritas specialan mencion kaj dankon. Kiel plej gravaj solvendaj taskoj la prezidanto de CLR menciis i. a. la ĉiuflankan fortigon de la grupoj, la aktivigon de ĉiuj ankoraŭ pasivaj esperantistoj, la altiron de junaj amikoj, la konsiderindan altigon de la ideologia kaj lingva niveloj de ĉiu unuopa esperantisto. CLR klopodos daŭre plibonigi sian ideologian kaj fakan gvidadon, eldonos novajn materialojn en Esperanto, informajn, beletrajn kaj lernilojn. –
Sekvis interesa diskuto, dum kiu *Hans Heinel* (Oederan) tre klare kaj principe substrekis, ke nur civitano, kiu intime ligiĝas kun la socia vivo de sia respubliko, tie havante sukceson kaj rekonon, ke nur tiu povas utile kaj efike labori en esperantista grupo. Fantaziuloj kaj nerealismaj strangulojn, kiel ili feliĉe plimalmultiĝis, atingas nur la kontraŭon de la celita kaj subtaksas la grandan respondecon, kiun ĉiu unuopa esperantisto havas antaŭ sia ŝtato, la GDR. Pri la valora *Leninseminario en Torun/Pollando* ĉijare raportis *Werner Pfennig* (Anklam). Dro *Hans Eichhorn* (Berlin) emfazis la necesegon serioze trakti ĉiuebene la *junularan laboron*. La amikoj *Rauner* (Riesa) kaj *Dost* (Karl-Marx-Stadt) donis bonajn ekzemplojn pri sociutila laboro, kiu same ankaŭ rekonigis Esperanton. *E. Seidemann* (Dresden) reliefigis speciale la prognozan valoron de Esperanto por la scienco-teknika revolucio. *D. Blanke* (Berlin) diskutkontribuis pri la ĉijaraj 55-a UK kaj la 26-a TEJO-kongreso.
En *specialaj fakgrupoj*, ĉiuj vizititaj de pli ol 40 personoj, oni pritraktis la plej gravajn aspektojn de la estonta laboro: Laboris jenaj fakgrupoj *„Enhavaj problemoj de la esperantista agado en GDR"*, *„esploro de la laboristmovadaj tradicioj"*, *„junulara agado"*, *„metodiko de la esperanto-instruado"*, *„interlingvistiko/esperantologio"*. Dum vespera kulturprogramo ĉeĥa opera kantisto *s-ro Miroslaw Smyska* prezentis kantojn de Beethoven en esperanto. Junulara koruso, gimnastika grupo ekvilibristo kaj dancmuzika ensemblo same tre plaĉis. Dimanĉe matene la fakgrupoj raportis pri surprize konsiderindaj ideaj riĉaĵoj, kiuj post kaj post ekspluatendos kaj realigendos. Post la akcepto de tri *rezolucioj* de la V-a MEM-konferenco (Vieno 1970) kaj la *findeklaro* de la delegitoj, *Rudi Graetz* finvortis la ide-, labor- kaj amuzriĉan Renkontiĝon resumante la fruktodonigajn rezultojn. Posttagmeze ĉiuj delegitoj — por kiuj cetere la tranoktado, manĝado kaj vojaĝo por la Renkontiĝo estis *senkostaj* — povis ekskursi laŭ diversaj rutoj. La Renkontiĝo certe al ĉiuj esperantistoj kaj grupoj de GDR donos novajn stimulojn kaj optimismon por la solvado de la taskoj de la 70-aj jaroj.

# X Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto

Sendube gravega por la kontinua kaj stabila lingva evoluo de Esperanto estas la ĵus aperinta *Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto* (PIV). Verkita de kolektivo de eminentaj esperantologoj kaj diversfakaj specialistoj, sub la redakto de *Gaston Waringhien*, prezidanto de la Akademio de Esperanto, ĝi prezentas kun pli ol 15 300 artikoloj *(Plena Vortaro* havis 7866) sur 1342 paĝoj (inkluzive antaŭparoloj kaj tabeloj) la ĝis nun plej kompletan registron de la esperanta vort-trezoro. (1970, SAT-Paris). PIV estas difina vortaro, komparebla eble kun la naciaj kiel *The Concise Oxford-Dictionary of current English.*

Precisa unueciga difino de la nocioj estas ne nur necesa sed simple demando de pluekzisto aŭ disfalo de internacia lingvo.

La plej nova normverko pridifina, tiel eksmodigante la Plenan Vortaron, do estas PIV, kiu markos gravan etapon en la lingva evoluo de Esperanto. Granda parto de la scienca lingvaĵo, postulebla de abituriento, faras PIV ankaŭ bone uzebla por fakaj celoj. Ekzemple sole 3000 radikoj apartenas al la medicina fako.

*69 fakvinjetoj, 22 simboloj* kaj diversaj *mallongigoj* atentigas pri la fakeco de la diversaj nocioj. La *signigo de la radikoj*, uzitaj de *Zamenhof* aŭ aliaj modellingvuloj (i. a. *Grabovski, Kabe, Kalocsay)* montras la modellingvaĵon. Stilgvidaj rimarkoj diskrete konsilas.

Sendube la vort-trezoro, amasigita videbla kiel radikoj kaj ties menciitaj plej gravaj kunmetaĵoj kaj la multaj vortoj formeblaj per la vortkreaj reguloj estas multe pli ampleksa ol ekzemple tiu de la germana Duden. Verŝajne PIV prezentas registritan kaj latentan lingvaĵon troveblan nur en plurvolumaj naciaj vortaregoj.

Interesa estas komparo de PIV kun la iom alikaraktera, verŝajne ĝis hodiaŭ ne superita *Enciklopedia Vortaro Esperanto/Germana* de *Eugen Wüster.* Por la artikolo-ĉefvorto *akvo* Wüster prezentas 113 kunmetaĵojn, Plena Vortaro (PV) 13 kaj PIV 33. PIV ne citas 96 ĉe Wüster registritajn vortformaĵojn, ĉe Wüster mankas 13 en la PIV cititaj. La litero „*e*" ĉe Wüster (jam 1923 ! !) enhavas 659 artikolojn (kvankam apenaŭ difinajn) kaj la PIV prezentas por „e" nur kelkajn pli, nome 689. La germana vortaro de *E. D. Krause (Esperanto/germana, 1968, Leipzig)* kune kun la suplementoj de *W. von Waldowski,* aperadantaj en *„der esperantist"*, enhavas ĉirkaŭ 370 artikolojn por „e".

La epiteto *„Ilustrita"* estas erariga, ĉar la ilustraĵoj ne estas en la teksto, do ne ilustras la artikolojn mem, kio estus karakteriza por vere ilustrita vortaro, ekzemple *Sprachbrockhaus, Larousse* kaj aliaj. Kiel speciala parto al PIV la ilustraĵoj kolektiĝas en pli malpli aktualaj pli malpli bonaj desegnaĵoj. Tio vere estas bedaŭrinda, ĉar ekzistas sufiĉe bonaj desegnaĵoj en la *bild-dudenoj*, kiel tiu nun preparata por la esperantlingva eldono de *Rüdiger Eichholz/Kanado.*

Plej malfacila problemo, kiun devas alfronti la aŭtoroj de ĉiuj difinvortaroj certe estis la ĝusta kaj *celtrafa difino* de la artikolo. Trovante en la antaŭparolo, ke *„eble la sola bone traktita fako estis la „historia materialismo", kiun prizorgis la konata specialisto L. Laurat"* (IX) oni kun granda miro konstatas diversajn difinojn, kiujn vera marksisto nepre malaprobus.

Jam la nocio *„materiismo“* (676) mem estas malĝuste difinita. Mankas la filozofia difino de *materio*, kiel plej bone ĝin donis Lenin. En PIV oni nur trovas

1. *„Tio, kies ekzistadon ni konas per la sensoj, k el kio konsistas la universo“ (ofte en kontrasto kun la spirito aŭ la energio)*
2. *„Parto el tiu io, kiu prezentas apartajn ecojn al nia analizo.“*

Kaj nur je tiuj difinoj oni rilatigas la filozofion *„Materiismo“*. Sed vere la historia kaj dialektika materiismo ne havas bazan rilaton al tiuj du difinoj, kiuj estas pure mekanikaj.

*„Maltusanismo“ (663)* estas multe pli, aŭ io tute alia, ol *„memvola limigo de naskado“*. *„Militarismo“* (697) ne povas esti *„disvastigo k influo de la militemo en unu nacio“*. Neniu nacio estas militema, sed, sub la imperiismaj kondiĉoj nacio povas esti misgvidata kaj misedukata kontraŭ aliaj popoloj, por ke la ŝaltistoj de la militema politiko povas realigi siajn ŝovinismajn celojn.

Se mankas ĉiu indiko pri la rolo de la *„koncentrejoj“* (541) sub la faŝismaj reĝimoj, speciale en Germanio hitlera, kaj oni nur trovas *„Barakaro“, en kiu homoj estas koncentritaj aŭ por faciligi ilian proviantadon (!!! — D. B.) aŭ por amaspunadi ilin“*, tiam tio certe estas danĝera bagateligo eĉ falsigo de la tuta monstra fenomeno el faŝismaj cerboj.

La aserto, ke la celo de *„komunismo“* (538) estus *„detrui la individuan proprieton k bazi la ekonomian vivon sur la komuneco de l' havo“* ne estas vera. Tio nenie estas skribita en la marksisma literaturo. En la socialisma kaj komunisma sociordoj la *produktorimedoj* iĝas socia proprieto.

Sed kompreneble la ĝenerala privata persona proprieto *ne* malaperos. Ke PIV listigas *„kozako“* (575) i. a. kiel *„kruda malmolkora homo“* mirigas min kaj certe ankaŭ sovetajn esperantistojn. *„Socialdemokratio“* (176) ne estas *„germana socialista partio“* sed ĝuste socialdemokratia partio aŭ movado, kio fakte estas io tute alia. La socialdemokratio malhavas la marksismon kiel ideologian bazon. *„Komunismo“* (538) ne estas *„socipolitika doktrino, kiu celas ... detrui la individuan proprieton.“* (Vidu supre). Pluaj malpli gravaj eraroj videbliĝas ekzemple ankaŭ ĉe *„kombinato“* (531), kiu ne nur ekzistas en Soveta Unio sed ankaŭ en aliaj socialsimaj landoj, ekzemple en GDR.

Mi ankaŭ pridubas, ke *„amoko“* (41) estas *„speco de freneza murdemo speciala al la malajoj“*. Ĉu oni ne sufiĉe ofte legis ekzemple pri amokintaj usonaj soldatoj, kiuj kruelegis en- kaj eksterlande?

Tute ne flata por la socialismo estas la modelfrazo post *„antisemitismo* (54) *„antisemitismo estas la socialismo de la stultuloj“*. Tio estas klara misprezento de tiu nocio.

*Malĝustaj prezentoj de politikaj kaj geografiaj realaĵoj* ankaŭ troviĝas kunlige al la du germanaj ŝtatoj, speciale al Germana Demokratia Respubliko. Jen kelkajn ekzemplojn:

Evidente ne konatis al la aŭtoroj, ke la *ĉefurbo de GDR estas Berlino.* Ili menciis *Pankovon* (341), kiu fakte nur estas urboparto de Berlino ne havanta eĉ unu registaran konstruaĵon. Kaj ĉe *Berlino* oni nur trovas la certe ne informampleksan citon *„germana grandega urbo (13° 25' E; 52° 31' N) dividita de muregо“* (106). Ĉu vere ne estas pli esenca por raporti pri Berlino? Ekzemple, ke ĝi estas la ĉefurbo de GDR, kaj ke la alia parto estas la memstara politika unuo Okcidenta Berlino ...

Diversaj aliaj germanaj urboj estas lokitaj diversmaniere. *Lepsiko* (627), *Magdeburgo* (658) troviĝas ankaŭ laŭ PIV sur la teritorio de Germana

Demokratia Respubliko. *Dresdeno* (207), *Kolonjo* (520), *Bremeno* (124) kaj *Stuttgarto* (104) estas sendistinge *„germanaj urboj“* aŭ troviĝas en *„Germanio“*. *Brandenburgo* (123) estas *„orientgermana urbo“*. La regiono *„Saksio“* (952) troviĝas laŭ PIV en *„Orienta Germanujo“* kaj *Turingio* (1147) en la *„Centro de Germanujo“*. Tio ĉio estas vere bedaŭrinda makulo, ĉar sendube estus bone scii, en kiu el la du germanaj ŝtatoj ekzemple *Dresdeno* troviĝas. Same dezirinde estus, se oni finfine notus la fakton, ke jam pli ol 20 jarojn ekzistas *du diverssistemaj germanaj ŝtatoj:* La Germana Demokratia Respubliko kaj la Federacia Respubliko Germanio. *Tio ne estas afero de la politika opinio sed simple de la faktoj.*

Cetere la uzo de la plena ŝtatotitolo de GDR ankaŭ ne ĉiam estas unueca en PIV. Sub *„germano“* (341) oni trovas „Germana *Demokrata Respubliko*“, ĉe *Lepsiko* (627) la ĝusta „Germana Demokratia Respubliko“ ĉar la adjektivo devenas de la regadformo *„demokratio“* kaj ne de la persono *„demokrato“*.

Kompreneble, kiel jam dirite, difina vortaro enhavas jam pro sia karaktero multajn problemojn pridiskutindajn. Kaj recenzo ja estas kontribuo al tiu diskuto. Por dua eldono la konsulto de *specialistoj* pri historia materialismo *el socialismaj landoj* certe tre konvenus.

Malgraŭ tiuj korektendoj la PIV prezentas *eksterordinare bonegan vortaristan laboron,* kiu estas plene komparebla kun la atingoj de naciaj lingvoj. La difinoj plej ofte, kaj tio eblas ĉe la ĝenerala lingvaĵo, havas klarigajn ekzemplojn el la verkoj de Zamenhof kaj aliaj bonaj aŭtoroj. La celitan rolon, kiel *unueciga standardiga normverko,* PIV sendube bonege plenumos, se ankaŭ, kiel montrite, ne sur ĉiuj ebenoj. Specialaj fakdifinaj, ekzemple por filozofio, vortaroj necesas. *Estus bone, se ankaŭ socialismaj landoj kontribuus ĉirilate,* kion certe la PIV-aŭtoroj akceptus kun danko. Finfine certe ne necesas speciale emfazi, ke *tiu vortaro devas esti en ĉiu lingvistika instituto, en ĉiu granda biblioteko, en la mano de ĉiu esperantologo.* La prezo de 26 dolaroj tion ne malhelpu.

Eble iam troviĝos vortaristoj, kiuj prezentos veran *ilustritan* vortaron, kiu kunligus la *enciklopediecon de Eugen Wüster* kaj ties vortaro kun la spertoj kolektitaj pridifinaj de la *plenaj vortaroj* kun la *ilustriteco* de la modernaj naciaj vortaroj.

*Detlev Blanke, Berlin, GDR*

*CLR intencas informi la plej gravajn bibliotekojn de GDR kaj lingvistikajn institutojn pri la aperinta verko proponante la aĉeton de PIV. Bv. sendi al CLR la adresojn de bibliotekoj, kiu laŭ vi devus posedi tiun verkon.*

**Biblioteko de IEMW uzebla por ĉiuj eŭropaj esperantistoj**

Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno pruntedonas pere de Aŭstria Nacia Biblioteko *(Österreichische Nationalbibliothek, Josefplatz 1, A-1014 Wien)* librojn kaj jarkolektojn de gazetoj. Ĉiu eŭropa esperantisto povas en iu granda publika biblioteko en sia urbo mendi presaĵojn el la biblioteko pere de Aŭstria Nacia Biblioteko. Nepre oni skribu sur la mendilo, ke la verko troviĝas en Internacia Esperanto-Muzeo (Internationales Esperanto-Museum).

**La redakcio kaj Centra Laborrondo Esperanto de GDR deziras al ĉiuj esperanto-amikoj sukcesan kaj feliĉan Novan Jaron.**

# Metodiko

## *Kiel komenci instruhoron?*

*de Dro Till Dahlenburg*

En la artikolo „La instruado de fremdaj lingvoj" („der esperantist" n-ro 38/39, januaro/februara 1970, p. 16 s.), pritraktinta la plej gravajn partojn de normala instruhoro, ni konstatis interalie, ke konsekvenca planado de ĉiuj instruaj paŝoj decidas la sukceson de niaj instruaj penadoj. Por konsekvenca planado ni devas atenti la klerigajn celojn (plejparte la komprenon de la lingvaj aperaĵoj flanke de la gelernantoj), la edukajn celojn (ili estas difinitaj de la politika konvinko de la instruanto), kaj ni devas atenti la animan situacion de la kursprartoprenantoj.

En tiu-ĉi senco ankaŭ la sepa pedagogia kongreso, okazinta en majo de la 1970 j. en Berlino, donis al ni valorajn sugestojn. La ministro por popolklerigo, M. Honecker, deklaris, ke ni, konsiderante la realan atmosferon en la diversaj lernogrupoj, ĉiam devas serĉi la plej efektivajn instruvojojn; ŝi plue diris, ke la klerigo dum la instruhoroj aperas ne nur skemo de stimulo kaj reago, sed inkluzivas pli multe da procesoj, antaŭ ĉio la formigon de la personeco de la lernanto.[1]) W. Ulbricht substrekis, ke la nova socialisma konvinko pri la laboro estas akompanata de ordemeco kaj disciplino, de decidlerteco kaj decidĝojo, de celstrebado kaj pacienco, de memstara solvo de diversaj taskoj kaj de la fiero pri atingitaj rezultoj.[2]) Pro tio-ĉi la unua metodika paŝo dum la instruhoro celas direkti la sentojn de la gelernantoj al tia lernatmosfero, kia ebligas al ili uzi siajn lingvospertojn kaj siajn konojn pri gravaj mondaj eventoj, por ke ili sentu sin akceptataj flanke de la instruanto kaj flanke de la gekamaradoj. Tiu-ĉi parto de la instruhoro denove alkutimigas la gepartoprenantojn unuj al la aliaj (inkluzive la instruanton).

Elektante oportunan materialon oni preferu:

1. mallongajn tekstojn kun plejparte konataj al la lernantoj vortoj kaj gramatikaj formoj aŭ kun vortoj, kiuj estas facile ekkoneblaj (internaciaj vortoj);
2. informojn, kiuj estas interesaj de nia politika konvinko kaj preparas la aŭskultantojn al memstara legado de aktualaĵoj;
3. enhavon, kiu estas pritraktebla dialogmaniere, por ke la aktiveco en la grupo kiel eble baldaŭ transiru de la kursestro al la gelernantoj.

Konklude, la unua metodika paŝo jam realigu parteton de niaj klerigaj kaj edukaj celoj: trejnadon de lingvo-materialo, interesigon por gravaj kulturaj, politikaj, ekonomiaj eventoj aŭ por la vivo de la kunlernantoj; aperigon de lernopreteco kaj kamaradeco. (daŭrigota)

X **Soveta „Paco"**

Ĵus eldoniĝis la 52 paĝa soveta numero de „Paco" (4—5/70). Ĝi enhavas valoran materialon pri V. I. Lenin. La numero estas digna kontribuo al la omaĝo al Lenin okaze de lia 100-a naskiĝtago 1070.

# La juna esperantisto

**Ĉefpunkto: junulara laboro!**

Unu el la ĉefproblemoj, pri kiuj traktis la pli ol 200 delegitoj de la *Unua Centra Renkontiĝo de la Esperantistoj* de GDR estis la junulara laboro. Kaj en la plenkunsido kaj en speciala laborgrupo oni tre forte kaj konstruive skizis la vojon por plej eble vigla kaj rezultodona laboro de la junaj esperantistoj en GKL de GDR. Dum sia diskutkontribuo en la plenkunsido dro *Hans Eichhorn* substrekis, ke en ĉiu gvidgremio sur distrikta, subdistrikta aŭ grupa nivelo estu reprezentanto de la junaj esperantistoj por ke la junulara laboro iĝu integra parto de ĉiu grupa laboro, de ĉiu gvida agado. En la kadro de la *speciala laborgrupo „junulara agado"*, kiun vizitis pli ol 40 junaj aktivuloj el la tuta respubliko, estis diskutitaj la bazaj taskoj por la atrakcia ideriĉa laboro kaj agado en junularaj medioj. Necesas ekzemple kunlaboro kun la Libera *Germana Junularo* (FDJ) sur ĉiuj organizaj ebenoj. Novaj laborformoj ebligu la agadon en postlernejhoraj intereso-societoj de la gelernantoj. La *Junulara Sekcio de CLR* organizis jam du specialajn centrajn kunsidojn kaj aranĝos baldaŭ pli grandan delegitan konferencon en tutrespublika skalo. Estis preparita kaj voĉdonita letero al la Gvidantaro de Libera Germana Junulara kaj tezoj pri la estonta agado de la junaj esperantistoj. La eksterordinare vigla kaj longa diskuto, subtenita per bierĝuo kaj humora etoso, montris ke la esperantista junularo en GDR, feliĉe, aktiviĝetas.

**Internaciaj aranĝoj 1971**

2. – 3. 1. 1971 – *Pollando* – Bialowieza C. Bialystok *VI. Kunveno de Pola E-Junularo.* Komitatkunsidoj de PEJ.
Adr.: Vojevodia Estraro de Pola Esperanto Junularo, Bialystok, Traugutta 3. Prezo: 200 zl.

3. – 5. 4. 1971 – *Bulgario – Xa Kulturfestivalo de Bulgara Esperanto Junularo*
Adr.: Bulgara Esperanto Junularo, Sofio, Pk. 66

Komenco de majo – Bulgario – Karlovo (unu semajno) *Internacia Literatura Seminario de BEJ.* „Verkado de I. Vazov kaj Botev kaj ideologio de Levski".
Adr.: BEJ kaj STELO ĉe inĝ. B. Leonov, Karlovo, Car Asen 7.

16. – 29. 7. 1971 – *Pollando* – Torun. *Internaciaj Esperanto-Ferioj por lernejanoj* (11–18 j.) Agado en lernejaj rondoj de Esperanto-amikoj Lerneja Komisiono de PEJ
Adr.: Studenta Scienca Rondo de Esperantistoj, Torun, Prezo: 600 zl.

18. – 21. 7. 1971 – *Pollando* – Bialystok. *II. Internacia Kulturfestivalo de PEJ.*
Adr.: Studenta Scienca Rondo de Esperantistoj, Torun, Mickiewicza 6/10. Prezo: 600 zl.

23. – 29. 7. 1971 – *Pollanda* – Torun. *VII. Internacia Esperanto Seminario kaj STELO — Semajno.*
Adr.: Studenta Scienca Rondo de Esperantistoj, Torun, Mickiewicza 6/10. Prezo: 400 zl.

*Curt Kessler*

## Deutsche Redensarten und Redewendungen in Esperanto VI

**Geschichte / das ist ja eine nette ...!** jen bela afero!; **das ist eine alte ...** konata afero!;

**Geschick / etw ins ... bringen** aranĝi aferon;

**geschlagen / es hat sechs ...** batis (sonis) la sesa; **er ist ein ...er Mann** homo sortobatita; **sich ... geben** deklari sin venkita; akcepti esti venkita;

**geschlossen / ...e Gesellschaft** klubo

**Geschmack / einer Sache ... abgewinnen** ekinteresiĝi por; trovi guston en io; **den ... an etw verlieren** perdi la guston por; **die Geschmäcker sind verschieden** kiom da homoj, tiom da gustoj; ĉiu havas sian (propran) guston; ĉiu barono havas sian kapricon; pri gustoj oni ne disputu; france saĝa, angle sovaĝa; eĉ monstron admiras. kiu amе deliras; ĉiu abomenaĵo trovas sian adoranton;

**Geschrei / viel ... und wenig Wolle** monto gravediĝis, muso naskiĝis; pli da bruo ol da faro; bruo potenca, nula esenco; granda frakaso en malgranda glaso; multe da bruo por nenio; multe da peno, nenion da pano;

**geschweige / ... denn** kaj tute ne; kaj multe malpli;

**Geschwindigkeit / ... ist keine Hexerei** lerteco sorĉon ne bezonas;

**Gesellschaft / ich bin gern in deiner ...** ... kun vi; **in schlechte ... kommen** veni en malbonan kunularon; **wir haben ...** ni havas vizitantojn; **G. m. b. H.** societo (kompanio) kun limigitaj riskoj;

**gesetzt / ... den Fall** ni supozu ke...; supozite ke...;

**Gesicht / geh mir aus dem ...** for de miaj okuloj; **zu ... bekommen** ekvidi; **wie aus dem ... geschnitten** kvazaŭ portreto; **die Sonne im ... haben** stari kontraŭ la suno; **das ... verlieren** perdi la reputacion; **ein ... wie drei Tage Regenwetter** vinagron en la mieno; **wie aus dem ... geschnitten** portreto de sia patro;

**gesinnt / wie ist er...?** kiun opinion (intencon) li havas?; de kiu partio li estas?;

**gesonnen / ich bin ...** mi intencas;

**gespannt / ... sein auf etw** senpacience atendi ion; **...es Verhältnis** mal/akordo; ...harmonio; kriza situacio;

**Gespött / zum ... werden** fariĝi mok/ataĵo; ...indulo;

**gespreizt / ...e Redeweise** afekta parolmaniero;

**gestalten / die Sache wird sich anders ...** la afero fariĝos tute alia;

**gestehen / um die Wahrheit zu ...** por diri la veron;

**gestellt / gut ... sein** esti en bona situacio;

**gestohlen / du kannst mir ... bleiben** mi danke rezignas (pri vi);

**gesund / bleibe ...!** restu sana!; fartu bone!; **das ist dir ganz ...** tio estas tre utila por vi!;

**Gesundheit / zur ...!** je via sano!;

**gewachsen / schön ... sein** havi belan staturon (talion); **einer Sache ... sein** majstri ion;

**gewähren / jemand ... lassen** ne limigi ies agadon;

**Gewalt / mit aller ...** per ĉiuj fortoj; **mit ...** perforte; **jemand ... antun** perforti iun; **sich in der ... haben** scii sin majstri (regi, bridi); **in j-s ... sein** esti inter (en) ies manoj; **jemand in der ... haben** havi iun sub la (sia) potenco; **eines ...samen Todes sterben** nenature morti;

**gegenwärtig / einer Sache ... sein** atendi ion;

**Gewehr / das ... strecken** demeti la armilojn;

**Gewicht / ... legen auf** insisti pri; akcenti;

**gewinnen / die Oberhand ...** venki; akiri avantaĝon; fariĝi superpeza; **ich kann es nicht über mich ...** mi ne povas decidiĝi; **jemand für etw ...** veki ies intereson por; varbi iun por; aligi iun al; **Zucker wird aus Rüben gewonnen** oni fabrikas (produktas, eltiras) el;

**gewiß / meine Hilfe ist dir ...** (nepre) povas kalkuli je; **eine Frau in einem ...en Alter** en certa aĝo; **ein ...er Herr A.** certa s-ro A.; iu nomata s-ro A.;

**Gewissen / sich ein ... machen aus** fari al si skrupulojn pri; havi skrupulojn pro; **jemand aufs ... fragen** sin turni al ies konscienco; **ein weites ... haben** havi larĝan konsciencon; kovri la buŝon de sia konscienco; la konscienco lin ne turmentas; **jemand ins ... reden** paroli al ies konscienco;

**Gewohnheit / der Mensch ist ein ...stier** kutimo estas dua naturo;

**gewonnen / wie ..., so zerronnen** kiel akirite, tiel perdite;

**Gift / darauf kannst du ... nehmen** pri tio vi povas ĵuri; tiel certa kiel „amen“ en preĝo; pri tio mi garantias; tio estas certega;

**gilt / es ... zu . . .** la tasko (celo) estas; oni devas; **es ...!** bone!; konsentite!; **es ... die Ehre** la honoro estas en danĝero; la honoro estas defendenda; **das ... nicht** tio estas kontraŭ la regulo!; **des Königs Wunsch ... als Befehl** reĝa deziro estas rigardenda (kiel) ordono; samvaloras ordono; **dasselbe ... von dir** same pri vi; **was ... die Wette?** kiom ni vetu?; **... das Billet noch?** ĉu validas ankoraŭ?; **sein Wort ... viel** multe pezas; **er ... für** oni rigardas (opinias) lin; li havas la famon de; **er ... viel in der Gesellschaft** li ludas gravan rolon; li estas multe ŝatata;

**Gips / in ... liegen** havi gipsbandaĝon;

**Glacehandschuhe / mit ...n anfassen** trakt/i delikate; ...i kiel kristalvitro;

**Glas / er hat etw zu tief ins ... gesehen** li esploris iom la fundon de la glaso;

**glatt / die Sache geht ...** iras glate; funkcias bone; **...e Unwahrheit** rekta malvero; **aufs ...eis führen** forlogi de firma tero;

**Glauben / ... finden** trovi kredantojn; esti kredata; **... verdienen** esti kredinta; esti konfidinta; **... schenken** konfidi; **in gutem ...** bonafide; **j-m ... machen** kredigi iun; **er hat dran ... müssen** li devis suferi (trapasi) tion; **sie ..., daß sie wunders was sind** kredas sin admirinduloj;

**gleich / je-m ... kommen** egaliĝi al; **das bleibt sich ...** restas la sama; **das sieht dir ...!** tio estas tipa (karakteriza) por vi! **es ist mir ...** estas egale por mi; estas indifernete por mi; **und wenn er ... der Chef wäre** eĉ se li estus ĉefo; **...e Brüder, ...e Kappen** sama gento, sama sento.

**Gleichgewicht / im ... sein** egalpezi; **ins ... bringen** egalpezigi; **das ... halten** kontraŭpezi; harmonie kontrastas;

**Gleis / im alten ... bleiben** sekvi la malnovan vojon; **etw wieder ins ... bringen** rearanĝi aferon;

**gliedern / sich ... in** dividiĝi en ...n;

**Glocke / etw an die große ... hängen** distrumpeti ion; **... zwei** akurate je la dua;

**Glück / du kannst von ... reden, daß** danku la bonŝancon, ke; **auf gut ...** trafe, maltrafe; divenprove; **... auf!** prosperon!; sukceson!; bonŝancon!; **... wünschen** bondeziri; gratuli; **sein ... machen** atingi bonstaton; trovi sian fortunon;

**Gnade / ohne ... und Barmherzigkeit** sen/indulge; ...kompate; **auf ... und Ungnade** senkondiĉe; **... finden** trovi favoron (gracon); **Euer ...n!** Via (barona, grafa) moŝto; **von Gottes ...n** per graco de Dio;

**gnädig / Gott sei mir Sünder ...** Dio indulgu min pekulon; **...e Frau** sinjorina moŝto;

**Gold / ... waschen** lavi orsablon; ellavi oron; **...ene Hochzeit feiern** soleni la kvindekan datrevenon de geedziĝo: **der ...ene Schnitt** ora sekco; **wenn es ...stücke regnet** kiam gutas mielo el la ĉielo;

**Gott / mein ... nochmal** nu, Dio mia!; **bei ...!** per Dio!; **... befohlen** adiaŭ! iru kun Dio!; **... schütze mich vor** gardu min Dio kontraŭ; **er lebt wie ... in Frankreich** li vivas kiel ĉe la brusto de Dio; li vivas kiel kuko en butero; li vivas kiel mado en lardo; **der alte ... lebt noch** ankoraŭ Dio ne dormas; **um ...es Willen!** pro Dio; Dio vin gardu!; Dio kompatu!; **das Wort ...es** Biblio, la Sanktaj Skripoj; paroloj de Dio; Evangelio; **leider ...es** bedaŭrinde; **an ...es Segen ist alles gelegen** se Dio ne volas, eĉ sanktulo ne helpos; **in ...es Namen** (Widerstrebend) nu, mi konsentas. ne konsentas;

**Grab / verschwiegen wie das ...** silenta kiel tombo; diskreta kiel surdmutulo;

**Grad / im höchsten ...e** plejaltgrade; treege; ekstreme; **unter welchem ...e liegt** kiun latitudon (longitudon) havas;

**Gram / j-m ... sein** havi profundan antipation kontraŭ iu; malami iun;

**grämen / das soll mich wenig ...** tio estas la malplej granda el miaj ĉagrenoj;

**Granit / es wird auf ... beißen** trafos hakilo sur lignon malmolan;

**Gras / darüber ist längst ... gewachsen** tio estas jam delonge forgesita (frometita en la keston de forgeso); oni jam faris (ĉesis), kaj ni ĉion jam forgesis; formetite ĝis la grekaj kalendoj; formetita en arĥivon;

**grau / er sieht alles ... in ...** griza sur griza fono; senkonsola; monotona;

**grau/en / mir ...t vor** mi tim/as (...tremas); mi sentas abomenon; tio teruras min; **der Morgen ...t** tagiĝas; krepuskiĝas;

**greifen / zum Äußersten ...** uzi ekstreman rimedon; **jemand unter die Arme ...** subteni (helpi) iun; **um sich ...** progresi; disvastiĝi; **etw aus der Luft ...** eltrovi ion; **das läßt sich mit den Händen ...** estas palpebla; **Platz ...** ekesti; viviĝi; enkondukiĝi; **das greift zu weit** tio etendiĝas tro vaste;

**Grenze / grüne ...** arbaraj lim/sekcioj (...partoj); **...n setzen** meti limon al; limigi ...n;

**Griff / im ... haben** majstri; estri; regi ion; scii; manipuli; **etw in den ... bekommen** ekmajstri ion; atingi estrecon pri; **... ans Portepee** honor-alvoko; **einen guten ... tun** havi feliĉan manon; **einen ... tun nach etw** etendi la manon al io;

**groß / wie ... ist** kiun alton (grandon) havas; **... denken von jemand** havi altan opinion pri; **sich nicht ... kümmern um** ne multe zorgi pri; **...e Auswahl** multspeca sortimento; **...und klein** ĉiuaĝuloj; **der ...e Ozean** Pacifik(a Ozean)o; **im ...en** pogrande (vendi); **im ...en und ganzen** entute; **...e Stücke halten auf** alte estime ...n; havi altan opinion pri; **...tun** fanfaroni;

(Fortsetzung auf Seite 15)

**kalistef-o** Sommeraster, a. **„somera astero“** (Callistephus)
**kalk-o** Kalk; **--laktajo** ...milch
**kalkul-i** 1. rechnen 2. zählen a. **nombri; --bastono** Rechenstab
**kalmar-o** Kalmar, (e. Tintenfisch) (Calmaro a. Loligo)
**kalot-o** Kalotte, Haube 1. Kugelkappe, dz. **glaci--o** Eishaube (der Planeten) 2. Scheitelkäppchen der Priester
**kalumet-o** Kalumet, Friedenspfeife der Indianer
**kalun-o** Heidekraut, Besenheide (Calluna)
**kalvari-o** 1. (anat.) Hirnschädel 2. (rel.) Leidensweg und ...berg Christi, Kalvarienberg
**kalvinan-o** (rel.) Kalvinist
**kam-o** 1. Kahm, Schimmel auf Flüssigkeiten 2. (tek.) Anstoßer, Mitnehmer, Nocken, Welldaumen; **--rado** Nockenrad; **--ŝafto** ...welle
**kamaril--o** (pol.) Kamarilla, Hofschranzen
**kambri-o** (geol.) Kambrium
**kame-o*** Kamee, erhaben geschnittener Schmuckstein, kp. **intajlo**
**kamerling-o** Kämmerling, päpstl. Schatzverwalter
**kamion-o** Last- o. Rollwagen, a. **ŝarĝveturilo; --i** anfahren, -rollen
**kamp-o*** Feld; **--a profundeco** (fot.) Tiefenschärfe
**kamufl-i** tarnen; **--ilo** Tarnmittel
**kan-o*** (bot.) Rohr; **--plektajo** ...geflecht, **...seĝo** ...stuhl; **--sukero** ...zucker; **--birdo** ...sänger
**kanajl-o*** Schurke, Schuft
**kanal-o*** Kanal, (anat.) Röhre; **irigacia --o** Bewässerungs...; **spir--o** Atmungs...; (f.) Quelle: **el kiu --o vi scias ĉi tion?**
**kancelari-o*** Kanzlei
**kandelabr-o** Kandelaber, mehrarmiger Leuchter
**kanel-o** Riffel; **spiral--oj** (mil.) Züge (in Läufen); **mikro--o** Mikrorillen (auf Langspielplatten)
**kanistr-o** Kanister, Treibstoff- o. Ölbehälter
**kanon-o*** Kanone, Geschütz
**kanonik-o*** (rel.) Kanonikus, Dom- o. Stiftsherr
**kant-i*** singen; **--eti** trällern
**kantarid-o** Span. Fliege (Lytta vesicateria); **--ino** Kantharidin
**kantonment-o** (mil.) mit Einquartierung belegter Ort, Kantonement
**kanu-o** Kanu 1. Einbaumboot 2. (sp.) Paddelboot, Sportkanu
**kaos-o,** (a. ĥaos-o) Chaos, Durcheinander
**kape-i** (mar.) Segel raffen, einziehen, beilegen, Maschine stoppen
**kapilar-o** Haarröhrchen, Kapillare
**kapitol-o** 1. Kapitol 2. (bot.) Blütenkopf
**kaponier-o** (mil.) bombensicherer Raum hinter Festungsgräben

## Komplementa Vortaro VI

Walter von Waldowski

**herb-o** Gras Kraut, (im weiteren Sinne als grameno); **alpeca --ejo** Alm; **„--ejbelulino“** Wiesenschöne (Rhexia); **„--eja-regino“** Wiesenkönigin, Mädesüss (Ulmaria); **--ario** Herbarium
**herc-o** Hertz, Maßeinheit der Schwingungen; **kilo--o** = 1000 -- **mega--o** ± 1 000 000 --
**hered-i** erben
**hero-o** Held
**hers-o** Fallgatter
**hesperid-o** Nachtviole (bot. Hesperis)
**heterodin-o** (radio) Überlagerungsempfänger, dz. **super-o**
**hetman-o** Hetmann, Ataman, Kosakenführer
**heŭristik-o** Heuristik
**hezit-i** zögern, zaudern
**hiat(us)-o** (fon.) Hiatus, Lautgähne, Zusammenstoß derselben Vokale in zwei sich folgenden Wörtern
**hidalg-o** Hidalgo, span. Adliger
**hidro-** (in Fremdwörtern = Wasser-): **--fila** ...lieb, **--graf-o** Gewässerkundiger, Kenner der **--grafio; --kero** ...schwein (zoo. Hydrochoerus); **--terapi-o** ...heilkunde
**hieroglif-o** Hieroglyphe 1. altägypt. Schriftzeichen 2. (f.) schwer entzifferbares Gekritzel
**higien-o** Gesundheitspflege u. -lehre
**hikorj-o,** (-io) Hikorynußbaum (bot. Hicroia), dz. **porkid--o** Ferkel-, **maldolĉ--o** Bitter- u. **pekan--o** Pekannußbaum
**hilum-o** (bot.) Nabel, kp. (zoo.) **umbiliko**
**himantop-o** Stelzenläufer (bird. Himanthopus)
**hin-o** Maul- o. Packesel (zoo. Eguus hinnus)
**hindu-o** (ethn.) Hindu; **--stana** lingvo nordind. hindustan. Sprache
**hiperbat-o** (rhetorisch) Hervorhebung eines Wortes durch seine Voranstellung
**hiperbol-o** Hyperbel 1. (rhet.) Übertreibung 2. (geom.) Kegelschnitt; **--a** überschwenglich
**hiperemi-o** (med.) Hyperemie, Blutüberfülle
**hiperik-o** Hartheu, Johanniskraut (bot. Hypericum)
**(hipermetrop-a)** weitsichtig, a. **malmiopa, televida**
**hipnot-o** Hypnose, Zwangsschlaf
**hipoderm-o** (anat.) = **subhaŭto**
**hipokaŝtan-o** Roßkastanie (bot. Aesculus hippocastanum)

**hipokaŭst-o** Fußbodenheizung, Hypokaustum
**hipola-o** Gartensänger (bird. Hippolais)
**hipotenuz-o** (geom.) Hypothenuse
**hirud-o** Blutegel (zoo. Hirudineus), (f.) Blutsauger
**hisopo-o** Ysop (bot. Hyssopus)
**hiskiam-o** Bilsenkraut (bot. Hyscyamus); **--ino** ...gift
**histeri-o*** (path.) Histerie; **--ulo** ...iker
**histori-o** Geschichte; **--a donitaĵo** ...liche Gegebenheit
**histrion-o** Komödiant, schlechter Schauspieler
**hok-o** Haken; **okul--ingo** Schlaufe; **pend--ingo** Aufhänger, **--stango** Bootshaken
**hold-o** (mar.) Lade- o. Kielraum, a. **ŝipkelo**; **--fako** Bunker
**holk-o** Honiggras (bot. Holcus)
**holoturj-o,** (-io) Seewalze (Holosteum, Stellaria holostea)
**hom-o*** Mensch
**homonim-o*** doppel- o. mehrsinniges Wort
**honor-i*** ehren; **--korto** (arch.) Ehrenhof
**honorari-o** Honorar, Ehrensold; **hont-i** sich schämen
**hor-o*** Stunde; **sidera --o** Sternstunde
**horloĝ-o** Uhr. dz. **brak-, mur-, poŝ-, tur-, sablo-, sun--o**
**horoskop-o*** Horoskop, astrolog. Schicksalsvoraussage
**hortulan-o** Gartenammer (bird. Emberiza hortulana)
**hospic-o** Hospiz, christl. Herberge
**hospital-o*** Hospital, Krankenhaus; kampa --o Feldlazarett, **--ŝipo** Lazarettschiff, **milit--o** Militärkrankenhaus
**hotel-o*** Hotel
**hub-o** Hufe, ehemaliges Feldmaß, meist 10 bis 15 ha
**huf-o*** Huf; **--uloj** ...tiere; **unu- k. duhufuloj** Ein- und Zweihufer
**hul-o** (avi.) Rumpf u. Schwimmkörper der Wasserflugzeuge
**huligan-o** Huligan, Rowdy; **--eco** ...tum
**humor-o** Stimmung, Laune; **humur-o** heitere Stimmung, gute Laune
**hun-o** (ethn.) Hunne; (f.) wilder Barbar
**hund-o** Hund; dz. **brakeno, bird--o, ĉas--o, grifono, mel--o. pojntero, vertago k. a.**
**hup-o** 1. (biol.) Haube (bei Vögeln), ä. **kresto, tufo;** 2. Hupe der Kraftfahrzeuge
**huri-o** 1. (moham.) Huri, Jungfrau von unvergänglicher Schönheit; (2. käufliches Weib, Hure)
**husan-oj** (rel.) Hussiten; **husismo** Hussismus



**ĥeder-o** Cheder, jüd. Vorschule

**juka-o** Palmlilie, (Yucca)
**jul-o** 1. Julfest, Fest d. Wintersonnenwende 2. (mar.) Wrickruder; **--i** wricken a. **ŝraŭbe remi**
**julep-o** 1. (pharm.) Julep 2. (Kk.) ..., kaltes Pfefferminzgetränk
**jur-o** Jura, Rechtswissenschaft; **kutim--o** Gewohnheitsrecht
**juvel-o*** Juvel, geschliffener Edelstein
**juvenali-oj** Juvenalien, beißend spöttische Umzüge von Studenten

# Ĵ

**ĵabot-o** (Kl.) Jabot, Hals- o. Brustkrause
**ĵez-o, ĵazo)** Jazz
**jurasa formacio** (geol.) Jurasformation
**ĵurnal-o** Tageszeitung; **--istiko** Journalistik

# K

**kaab-o** Kaaba, Heiligtum in Mekka
**kabal-o** Kabale 1. jüdische Geheimlehre 2. Intrige, Ränkespiel
**kaban-o** Hütte, Kate; **--ulo** Kätner, Kleinhäusler
**kabil-o** (ethn.) Kabyle
**kabl-o** Kabel; **-oingo** ...schuh; **ĉef- a. ten--o** Haltetau; **aera, subtera, submara --o** Luft-, Erd-, Meer...
**kadavr-o** Leiche; **--oesploro** Leichenschau
**kadi-o** Kadi, Richter in moslem. Ländern
**kaf-o** Kaffee; **kaftan-o** (Kl.) Kaftan
**kahel-o** Kachel, **--planko** Fliesenboden; **--i** kacheln
**kainit-o** (kem.) Kainit; **kajak-o** Kajak, Eskimoboot
**kakofoni-o** Mißklang, Übellaut
**kal-o** Schwiele, Hornhaut; **pied--o** Hühnerauge
**kalam-o** 1. Rotangpalme (bot. Calamus) 2. (antikes) Schreibrohr
**kalandr-o** 1. (bird.) Kalanderlerche (Alauda calandra) **2.** Kornkäfer (Calandra)
**kaldron-o** Kessel (Koch- und Dampf...); **--krusto** ...stein; **dz.** (tek.) **akvotuba, cilindra, flamtuba, fumtuba, rektafuma, revenfuma k. tubara --o**
**kalend-oj** Kalender, Monatsanfänge; **formeti ĝis la grekaj --oj** auf die lange Bank schieben
**kalendul-o** Ringel- o. Goldblume (Calendula)
**kalfatr-i** (mar.) kalfatern, mit Pech abdichten
al **kalibr-o** 2. (f.) Format. Art, Schlag; (tek.) **--ilo** Schiebelehre
**kalidr-o** Strandläufer, Kanutsvogel (Calidris canutes)
**kaligraf-o** Schriftkünstler; **--i** wie gestochen schreiben

**(irit-i)** 1. (med.) = **inciti** 2. (psych.) irritieren, unsicher, stutzig machen; **--o** Aufregung, Erregtheit
**iriz-i** in Regenbogenfarben schillern
**ironi-o** Ironie, feiner Spott
**iskiatik-o** (patol.) Ischias
**islam-o** Islam, Religionslehre der Mohammedaner; **--ismo** ...ismus
**izat-o** (isato) (Färber-) Waid (bot. Isatis)
**izo-** (in vielen zusammengesetzten Fremdwörtern = Gleich-) z. B. **--baro** (met.) Isobare, Verbindungslinie der Orte mit gleichem Luftdruck; **--cela** (geom.) gleichschenklig; **--kromata** (fot.) farbtonrichtig; **--mera** mit gleicher Zusammensetzung aber anderer Eigenschaft; **--morfa** gleichgestaltet; **--terma** gleichwarm; **--topa** gleich. aber mit anderem Atomgewicht; **--tropa** molekularisch gleich

# J

**jafetid-aj lingvoj** japhetidische Sprachen, ekz. **baska, etruska** ...
al **jak-o, perforta --o** Zwangsjacke
**jakoben-o** Jakobiner (radikaler Revolutionär d. franz. Revolution)
**jamb-o** Jambus (Versfuß .—.—)
**jamboz-o,** (-oso) (ostind.) Jambo - o. Jambusenbaum (bot. Jambosa), dz. **malaka --o** Malaienapfel (J. malacca)
**jar-o*** Jahr; **super--o** Schaltjahr
**jejun-o** (anat.) Leerdarm, (Teil d. Dünndarms); **--a** nüchtern
**jen-o** (japan. Münze) Jen
**jing-o** a. **„koltordulo“** Wendehals (bird. Jynx torquila)
**jodl-i** (muz.) jodeln
**jog-o** (ind. spiritualist. Philosophiesystem) Jogo
**joghurt-o** (Kk.) Joghurt, kp. **jahurto, kefiro**
**jon-o** (el.-chem.) Jon; **--igi** a. **--izi** jonisieren; **--osfero** (astr.) Jonosphäre
**jor-o** „Schleudern“ (von Fahrzeugen) 2. Abtrifft (d. Schiffe) 3. (avi.) Abdrehen d. Flugzeuge; **--i** (netr.) gieren, schleudern, abgetrieben werden
**jot-o** 9. Buchstabe d. griech. Alphabets; (f.) sehr kleine Menge
**jube-o** 1. (arch.) Empore (in Kirchen) 2. Jubea-, Honig- oder Chilepalme (bot. Jubaea), a. **„mielpalmo“**
**jud-o** Jude; **--as-o** Judas, (f.) Symbol des Verrätertums; **„--arbo“** Judaslinde (Cercis) a. cerciso; **„--folio“** Judasblatt (Cercidophyllum); **--orelo** ...ohr (Auricularia sambucina)
**juĝ-i*** richten, Urteile fällen
**jujub-o** (ind.) Brustbeere (bot. Ziziphus vulgaris); **--arbo** Brustbeerstrauch. Judendorn

# I

**iberis-o** Schleifenblume (bot. Iberis)
**ide-o** Idee; **--ismo** Idealismus; **--grafio** Begriffsschrift; **--gramo** Ideogramm (z. B. chines. Zeichen); **--ologo, --ologio** Ideologe, --ie
**ideal-o** Ideal, Vorbild. Wunschbild
**idili-o*** 1. (poet.) Hirtengedicht 2. liebl. ländl. Situation
**idiom-o*** Idiom, örtliche Mundart
**idiot-o*** Idiot; **--ismo** ...mus
**idiozinkrasi-o** (patol.) krankhafter Widerwille
**iglu-o** Iglu, Schnee- und Eishütte (der Eskimos)
**ignam-o** Igname o. Yamswurzel (bot. Dioscorea alata) a. **dioskoreo**
**(iĥtiokol-o, iĥtiologo. iĥtiologio)** Fischleim, Fischkenner, Fischkenntnis = **fiŝgluaoj, fiŝologo, fiŝologio**
**iĥtiosaŭr-o** Ichtiosaurier, Fischdrache a. **„fiŝsaŭro"**
**ikonoskop-o** Bildabtaströhre, Ikonoskop
**ikter-o** (patol.) Gelbsucht
**ileks-o*** Stechpalme (bot. Ilex); **--kverko** Immergrüne Eiche (bot. Quercus ilex)
**-ilion-o** (math. Suffix) zur Bildung sehr großer Zahlen: **du--o** = $10^{12}$, **tri--o** = $10^{18}$ **ktp.**
**ilumin-i** festlich beleuchten; **--iĝinto** a. **--ulo** (rel.) Erleuchteter, Beiname Buddas
**ilustr-i** durch Bilder o. Beispiele erklären
**iluzi-o*** Illusion; **--isto** Gaukler
**imag-i*** (ion al si. ke) sich ausmalen, einbilden, vorstellen
**imagin-o** (biol.) Imago, Insekt in seiner endgültigen Form
**imaginar-a** (math.) imaginär, nur in der Vorstellung vorhanden; **--o** ...e Größe
**imit-i*** nachahmen, -machen, imitieren
**imortel-o** Immortelle, Strohblume (bot. Helichrysum a. Rhodanthe)
**imperativ-o*** (gr.) Imperativ, Befehlsform
**imperi-o*** Imperium, Kaiserreich, o. Kolonialreich
**imperial-o*** Imperiale, mit Sitzen versehenes Wagenverdeck
**impet-i** mit Schwung angreifen, sich ungestüm vorstürzen
**impon-i*** imponieren, Eindruck machen, Achtung einflößen
**import-i*** importieren (Waren) einführen, Ggs. eksporti
**impost-o** Steuer. Abgabe; **lim--o** Zoll; **protekta --o** Schutzzoll, **salajro--o** Lohnsteuer, **spez--o** Umsatzsteuer
**impoŝt-o** (arch.) Kämpfer, Anfangsstein eines Gewölbes kp. **dovelo**
**impres-o** Eindruck, **--libro** Gästebuch
**improviz-i*** aus dem Stegreif schaffen

**impuls-o*** Impuls, Anstoß, Anregung, Antrieb
**impresari-o*** Unternehmer künstlerischer Veranstaltungen, Impressario
**inaŭgur-i*** feierlich eröffnen, einweihen, enthüllen
**incens-o*** Weihrauch, (f.) übertriebenes Lob
**incident-o** Inzidens, Vor-, Zwischenfall a. **intervenajo, -okazajo**
**(inciz-i)** = **(entranĉi)** einen Einschnitt machen
**indign-i*** sich entrüsten. innerlich empören
**indiĝen-o** Einheimischer, Inländer, Eingeborener
**individu-o*** Einzelwesen, ...mensch o. Tier, Individuum
**indukt-i*** 1. logisch schließen 2. (el.) Strom hervorrufen durch Nachbarstrom; **--anto** Feldmagnet; **mem--ajo** Selbstinduktion
**indult-o** 1. Gnadenbewilligung (z. B. durch d. Papst) 2. (jur.) Aufschub, Nachsicht, Stundung
**industri-o*** Industrie; **relabora a. prilabora --o** Verarbeitungs...
**inerci-o** (tek.) Trägheit; **--rado** Schwungrad
**infan-o*** Kind; **--etejo; --vartejo** Krippe; **--ĝardeno** ...ergarten; **proinfana aldonajo** ...erzuschlag
**infarkt-o** (path.) Infarkt, abgestorbener Gewebebezirk
**infekt-i*** infizieren, anstecken, kp. **kontaĝi**
**infer-o** (rel.) Hölle, kp. **hadeso, ŝeolo**
**inferenc-i** (log.) schließen, Schlüsse ziehen; dz. **dedukta --o** Schluß v. Allgemeinen auf d. Besondere; **indukta --o** ... vom Besonderen auf d. Allgemeine k. **--o laŭ analogio** Analogie...
**infinit-o** (math.) Infinitum, unendl. Größe
**influ-i*** beeinflussen, Einfluß haben; **inter--i** sich gegenseit. beeinflussen
**influenc-o** (path.) Influenza, Grippe, a. **gripo;** 2. (el.) elektrostatische Induktion, Influenz
**infoli-o** (press.) Folioformat, a. **duonformato**
**inform-i*** benachrichtigen, informieren
**infuz-i*** (mit kochend. Wasser) aufgießen, bebrühen (Kaffee, Tee ...); **--orj-oj,** -ioj Infusorien, Aufgußtierchen
**inhibici-o** (med.) Inhibition, nervöse Hemmung; (soz.) Untersagung, Verbot
**inic-i initieren,** (in etw.) einführen, einweihen
**inicial-o** Anfangsbuchstabe. **--vorto** Wörter aus d. ...n gebildet: MEM, GDR, USSR
**injekt-i** (med. k. techn.) injizieren, einspritzen
**inka-oj** (ethn.) Inkas; **--lilio** Inkalilie (bot. Alstroemeria)
**inkandesk-i** zur Weißglut erhitzen
**inklinaci-o** (mag.) Inklination, Neigung aus der Horizontalen a. **magneta subklino,** kp. **deklino**
**inkognit-o*** Inkognito, Auftreten als Unbekannter

**inkubaci-o** 1. (med.) Inkubationszeit, Zeit von der Ansteckung bis zum Ausbruch d. Krankheit 2. (bot.) Blütezeit
**inkvart-o,** a. **kvarto** Quartformat, Viertelbogen, kp. **infolio**
**inkvizitor-o** Inquisitor
**insid-i*** (jmd.) nachstellen, heimtückisch verfolgen
**insist-i*** (ntr.) dringen, bestehen auf; **--eco** Inständigkeit
**inspektoskop-o** Inspektoskop, Durchleuchtungsapparat (für Zölle)
**instal-i*** installieren 1. in ein Amt einsetzen 2. (tek.) einrichten, aufbauen. einbauen
**instinkt-o*** Instinkt
**instru-i*** unterrichten, unterweisen
**instrumental-o** (gr.) Instrumental, „Womitfall“
**insul-o*** Insel
**integr-i** (math.) integrieren; **integral-o** (math.) Integral
**intelekt-o*** Intellekt, Auffassungs- und Denkvermögen
**intenc-i*** beabsichtigen, vorhaben
**interdikt-o** (rel.-jur.) Interdikt, Verbot (z. B. priesterlicher Handlungen)
**interes-i** (tr.) interessieren
**interfer-i** (fiz.) (Wellen) überlagern
**intermit-i*** intermittieren, zeitweise aussetzen
**intervju-o*** Interview
**inton-i** (muz.) intonieren, anstimmen, Ton angeben
**intrors-a** (bot.) nach innen gewandt, Ggs. **ekstrorsa**
**introspekt-o** (med.) Introspektion, Innenuntersuchung
**introvert-i** sich einwärts kehren; **--ito** in sich gekehrter Mensch
**intu-i** (psych.) anschaulich aufnehmen; **--iga** anschaulich machend; **--igilo** Anschauungsmittel
**intuici-i** (ion) intuitiv erkennen, unmittelbar, wie durch Eingebung erfassen
**invalid-o*** Invalide, dauernd Arbeitsunfähiger
**inversi-o** Inversion 1. (gr.) Umstellung der Wortfolge 2. (met.) Umkehrung der Luftschichten. Temperatursturz
**invert-i** invertieren, umkehren; **--ito** (med.) gleichgeschlechtlich Empfindender; (muz.) oberste Noten in den Baß setzen; (chem.) **--sekuro** Invertzucker (durch ... von Rohrzucker)
**iperit-o** Yperit, Senfgas, a. **„mustarda gaso“**
al **ir-i** gehen: **ek--o** Start, **ek--ilo** Anlasser; **anas--i** watscheln; **kontroltra--ejo** Sperre
**iredent-a** irredent, **--o** vom Mutterland getrennte Nation. Minderheit
**irigac(i)-o** Berieselung, Bewässerung; **--ilo** Beregner; **--kanalo** Bewässerungsgraben, -kanal
**irigator-o** (med.) Irrigator, Spülapparat

(Fortsetzung von Seite 10) 

**Größe / in der ...nordnung von** mal/strikte; ...precize;

**Großvater / bis du ... wirst, ist das wieder besser!** ĝis la edziĝo ĝi resaniĝos;

**Grube / wer andern eine ... gräbt** kiu fosas fosaĵon, tiu falos en ĝin;

**grün / dasselbe in ...** la sama afero, sed kun la kapo al tero; **er ist mir nicht ...** li ŝatas min malfavore; **komm an meine ...e Seite** venu al mia korflanko;

**Grund / auf ... von** sur la bazo de; apogante min sur; **einer Sache auf den ... gehen** ĝisfunde esplori; **von ... aus** radikale; **auf ... geraten** surfundiĝi; **in ... und Boden** ĝis la fundo de l'fundamento; **in ... und Boden verdorben** absolute ...; **allen ... haben** esti plene rajtigita; **auf ... der Tatsachen** surbaze de (laŭ, pro) la donitaj faktoj; **... und Boden besitzen** posedi terparton; **im ...e handelt es sich** esence; **zu ...e gehen** pere/i; **zu ...e richten** pereigi; **aus diesem ...e** tial; pro tiu kaŭzo; **zu ...e legen** doni kiel bazon;

**Gruß / die Hände zum ... ausstrecken** adiaŭe etendi la manojn;

**Gunst / in ... stehen** esti en favoreco ĉe; **zu ...en** favore por;

**Guß / aus einem ...** plenharmonia;

**gut / das kann man nicht ... abschlagen** tion oni ne povas rifuzi al li; **... Holz** keglistan saluton! bonŝancon! **unrecht ... gedeihet nicht** nejuste akirita afero estas sen prospero; **... 70%** (iom) pli ol 70%; **nun ...!** bone! **es ist ...!** estas bone!; **kurz und ...** per unu vorto; **j-m ... sein** ami iun; havi simpation por; **sei so ...** havu la afablecon; bonvolu; **... zu Fuße sein** esti bona marŝulo; **es ... haben bei** esti bone traktata ĉe; **lassen wir das ... sein** ni ĉesigu tion; **das tut ...** tio mal-doloras; tio estas agrabla; **es ... meinen einem** esti bonintenca al iu; **du hast ... reden** tion vi povas facile diri; **so ... wie möglich** kiel eble plej bone; **er ist so ... schuld wie ich** same kulpa; **so ... wie gar nichts** preskaŭ nenio; **er ist bei mir ... angeschrieben** li estas bone enskribita ĉe mi; li havas ĉe mi krediton kaj meriton; **ich wünsche Ihnen alles ...e** mi deziras al vi ĉion bonan; mi deziras al vi amason da mono kaj titolon de barono; **j-n etw zu ...e halten** iun indulgi pro; **das wird dir zu ...e kommen** vi tiros profiton el tio; **eine ...e Weile** sufiĉe longe; **das hat eine ...e Weile** tio ne urĝas; tio ne okazos tre baldaŭ; **jemand ...e Worte geben** dolĉe peti iun; **in ...em Glauben** bonafide; **etw zum ...en wenden** bonigi ion; **nichts ...es im Schilde führen** havi malbonan intencon; **einen Betrag ...schreiben** skribi en la krediton; **das habe ich nun von meiner ...mütigkeit!** jen la sekvoj de mia bonanimeco!

**Güte / wollen Sie die ... haben** bonvolu.

# H

**Haar / das ... sträubt sich** la haroj stariĝas; **kein ... krümmen** oni difektos al vi eĉ ne haron; **es ist kein gutes ... an ihm** forkritiki ĉiun bonan econ de iu; **aufs ... genau** tute ekzakte; precizege; **um kein ... besser** neniom pli bona; **da stehen einem die ...e zu Berge!** tio estas harstariga!; la haroj streĉiĝas; **er hat ...e auf den Zähnen** li ne bezonas prunti dentojn; li havas danĝeran langon; al li ne mankas defendo kontraŭ ofendo; li havas dentojn ne por parado; li ne bezonas kolekti kuraĝon; li mem estas patrono por sia persono; kiu lin tuŝas, tiu sentas; **...e lassen müssen** havi (grandan) malutilon; **lange ...e, kurzer Verstand** haron longan kaj saĝon mallongan; **sich keine grauen ...e wachsen lassen** malsaĝulo ne griziĝas nek senhariĝas; **an den ...en herbeiziehen** malnature; preni per la dentoj; kio mem ne venas, per la dentoj ĝin prenas; **einander in den ...en liegen** preni unu la alian ĉe la haroj; malkonkordi; **mit Haut und ...en** tut(eg)e;

**haben / willst du das ...?** ĉu vi deziras tion? **etw an sich ... (Gewohnheit)** kutimi: havi la econ; **er will es selbst gesehen ...** li asertas mem esti vidinta tion; **acht ... auf** atenti; **zum besten ...** mistifiki; **es gut ...** esti en bona situacio; **... Sie die Güte** bonvolu; havu la afablecon; **im Auge ...** celi ion; **nicht mehr zu ...** elven-dita; ne plu havebla; **er soll seinen Willen ...** lia volo fariĝu; **Trauer ...** esti en funebro; **da ... wirs!** jen la afero!; **du wirst nichts davon ... als** vi profitos el tio nenion krom; **nichts ... gegen** havi nenion kontraŭ; ne esti kontraŭ; **fürs Geld ist alles zu ...** ĉio estas havebla; cio estas aĉetebla; **es im Halse ...** havi kataron; havi malsanan gorĝon;

**hab/en / ...e dich nicht so!** ne afektu tiel!; **ich ...e einen Brief zu schreiben** mi devas skribi; **was ...e ich davon?** kion mi profitas el tio? **du hast gut reden** tion vi favile povas diri; **du hast zu schweigen** via afero estas silenti; **da hast du's!** aha! **was hast du denn?** kio do estas al vi? **du hast dafür zu sorgen, daß** estas via devo, ke; **das hat nichts auf sich** tio ne ĝenas; ne estas grava; **das hat gute Weile** tio ne urĝas; tio ne okazos tre baldaŭ; **die Sache hat Eile** estas urĝa; **Herr A hat das Wort** havas la parolon; **das hat man von seiner Gutmütigkeit** jen la sekvo de;

**Hahn / danach kräht kein ...** pro tio krias neniu koko; neniu demandas pri tio; **... im Korbe sein** esti favor/ato; dorlot/...;

**Häkchen / was ein ... werden will ...** en infano vidiĝas, kia homo fariĝos;

**Haken / die Sache hat einen ...** estas tubero en la afero; la afero ne iras glate; hoko elsaltis, afero haltis; Ŝiriĝis la fadeno sur la bobeno; **einen ... schlagen** fari zigzagon;

**halb / ...e halbe machen** duonigi la gajnon; **auf ...em Wege** meze de la vojo; duone (renkontiri iun);

**Halm / die Ernte auf dem ... kaufen** aĉeti la grenon nefalĉita;

**Hals / das hängt mir zum ... heraus** tio jam tedegas min; **sich ... und Beine brechen** rompi al si kruron kaj femuron; **es im ... haben** havi kataron; havi malsanan gorĝon; **bis an den ... stecken in** preskaŭ droni en; **... über Kopf** transkapiĝe; eksalte senhalte; **das steht mir schon bis an den ...** tio jam staras al mi en la gorĝo; **das kostet den ...** tio kostas la vivon; **jemand auf dem ... sitzen** sidi al iu sur la nuko; **aus vollem ...e lachen** ridegi (el plena gorĝo);

**halten / die Preise niedrig ...** teni la prezojn malaltaj; **warm ...** teni varma; **den Mund ...** silenti; teni la buŝon fermita; **es mit jemand ...** esti amiko de; intima kun; **im Zaune ...** bridi; regi; **zum Narren ...** mistifiki; **viel auf jemand ...** alte ŝati iun; **auf gute Kleidung ...** esti ĉiam bone vestita; zorgi pri bona vestiteco; **etw für Scherz ...** preni ion kiel ŝercon; **Takt ...** ludi (kanti) laŭtakte; **sich rechts ...** iri (veturi) dekstre(n); **sich dazu...** rapidi; **eine Predigt ...** prediki; **Wache ...** gardi; **in Ehren ...** honori; respekti; **eine Vorlesung ...** docenti; **für einen Freund ...** opinii lin sia amiko; **für so alt hätte ich Sie nicht ge...** mi ne kredis vin tiel maljuna; **halte dich an!** firmtenu vin!; **es hält schwer** estas malfacile;

**Hammel / die ...beine lang ziehen** fari al iu bonan lavon; sapumi ies okulojn;

**Hammer / zwischen ... und Amboß sein** esti inter martelo kaj amboso; **unter den ... kommen** esti aŭkcie vendata;

**Hand / er lebt von der ... in den Mund** li vivas per sistemo de „el mano al buŝo"; li vivas el la poŝo al la buŝo; **das liegt auf der ...** tio estas evidenta; **um die ... anhalten** peti la manon; **zur linken ... getraut** morganat(ik)a edzino; **an ... von Tatsachen** per (laŭ) faktoj; **die letzte ... anlegen** fari la lastan laboron ĉe; **... anlegen** eklabori; **die ... im Spiele haben** havi la mano(j)n en la afero; **freie ... haben** ne esti ligita; **die ... auf etw legen** sekvestri; konfiski; embargi; **die Sache hat ... und Fuß** tio estas solida afero; **ich habe es in der ...** tio dependas de mi; **unter der ...** sekrete; malpublike; **von langer ...** de antaŭ longe; **freie ... lassen** ne ligi la manojn; **aus freier ... zeichnen** libermane; **die ... reichen** prezenti (doni) la manon; **zur ... gehen** asisti; **bei der ... sein** esti preta; **von der ... weisen** rifuzi; **vor der ...** intertempe; dume; **eine ... wäscht die andere** mano manon lavas; razisto raziston razas; vi min manĝigos, mi vin trinkigos; **aus erster ...** de la unua posedanto; aŭtentika; **aus zweiter ...** uzita; (Nachricht:) neoriginala; neaŭtentika; **von der ... gehen** scii lerte (rapide) fari;

**Hände / ich wasche meine ... in Unschuld** mi lavas al mi la manojn; ne mia estas la ĉevalo, min ne tuŝas ĝia falo; min ne tuŝas la afero, mi staras ekstere; **mir sind die ... gebunden** mi estas ligita; mi ne povas agi libere; **das liegt in ...n von** tio kuŝas en la manoj de; tio dependas de; **die ... zum Gruß ausstrecken** adiaŭe etendi la manojn; **alle ... voll zu tun haben** esti treege okupata; **etw unter den ...n haben** esti laboranta pri;

**Händel / er sucht ...** la mano lin jukas;

**handeln / worum handelt es sich?** pri kio temas?; pri kio estas la afero (demando, disputo)?;

**Handgriff / keinen ... tun** ne movi la manojn;

**Handschuh / mit ...en anfassen** trakti delikatege; trakti kiel kristalvitron; trakti per gantoj;

**Handwerk / j-m das ... legen** malebligi ies fiagadon;

**hängen /sich ... lassen** ne regi sin; **es bleibt immer etw ...** se kalumnio eĉ pasas, ĝi ĉiam ion lasas; **... bleiben an** resti pendanta; (mia vesto) alkroĉiĝis (al dorno); kaptiĝis sur; pendiĝis; **an seinen Eltern ...** esti kore ligita al; **die Flügel ... lassen** esti perdinta la kuraĝon; **alle Zweige ... voll** estas ŝargitaj de; **an den Nagel ...** forlasi sian profesion; **hängen bleiben** (in der Schule) resti en la ĝisnuna klaso; **das hängt mir zum Halse heraus** tio jam tedegas min; **das hängt damit zusammen, daß** tio sekvas el tio, ke; **woran hängt's noch?** kiu malhelpaĵo ankoraŭ estas?;

**Hans / ... Liederlich** voluptulo; **... Dampf in allen Gassen** ĉieulo; ŝovas sian nazon en ĉiun vazon; li estas nenie semata, ĉie trovata; **ich will ... heißen, wenn** nomu min malsaĝulo se;

**hapern / wo haperts?** kia malfacilaĵo?; kiel la halto?

# El la distriktoj

## Interkonsultiĝo en Potsdam 1970

En Potsdam okazis je la 3a kaj 4a de septembro 1970 la „Dua Interkonsultiĝo de Internaciaj Organizaĵoj". Ĝin partoprenis 31 internaciaj organizoj, inter ili ankaŭ la Mondpaca Esperanto Movado, reprezentita per la anoj de la IK de MEM *Helmut Fuchs* kaj *Rudi Graetz*. La ĝenerala sekretario de la Mondpaca Konsilantaro, *Romesh Chandra* enkondukante diris inter alie, ke ankoraŭ necesas fari multampleksan laboron por sekurigi la pacon.
La konferenco pritraktis jenajn gravajn problemojn:
1. *La eŭropa sekureco;*
2. *la malarmado;*
3. *rasismo, koloniismo, novkoloniismo;*
4. *subteno de la heroa batalo de la popoloj de Hindoĉinio;*
5. *Proksima Oriento;*
6. *Pluaj iniciatoj inkluzive la 25an datrevenon de UNO.*

Vigla diskutado ankaŭ okazis pri la demando de estonta kunlaboro de la internaciaj organizoj. La aktivecoj de MEM estas menciitaj en la dokumentoj de la konferenco. Akceptita estas ankaŭ propono, ke la Interkonsultiĝo de Internaciaj Organizoj okazu ĉiujare unufoje. Invitotaj estu ĉiuj internaciaj organizoj, kiuj laboras iamaniere por la paco. Krom por MEM tial ankaŭ ekzistas eblecoj por aliaj internaciaj esperanto-organizoj. Ekzemple estonte partoprenu laŭeble reprezentantoj de UEA, TEJO ktpl. Tio ne nur estus dezirinda, sed ankaŭ fruktedona por nia komuna laboro.

*Rudi Graetz*

## Nova adreso de Rudi Graetz

La prezidanto de Centra Laborrondo Esperanto de GDR havas novan adreson: *102 Berlin, Karl-Marx-Allee 23*

## Du gravaj radio-intervjuoj pri Esperanto

Lastatempe okazis du gravaj intervjuoj de GDR-radiostacioj pri Esperanto. La distrikta stacio de Potsdam disaŭdigis la 20-an de oktobro 10-minutan intervjuon kun *f-ino Carola Schimmelpfennig* kaj *s-ro Arnold Zenkert.*
La tutrespublika junulara studio DT 64 dissendis la 10-an de oktobro 1970 intervjuon kun la sekretario de Centra Laborrondo Esperanto de GDR *Detlev Blanke* pri Esperanto, ties lingva konsisto, la laboro de la esperantistoj en GDR, la internacia movado, literatura taŭgeco de Esperanto, la signifo de planlingvo por la scienca-teknika revolucio ktp. La studio prezentis esperantlingvan diskon kaj alvokis la junularon de GDR studi la internacian lingvon en la kursoj de la Germana Kulturligo.

## Vojaĝo al Leningrad 1971

Verŝajne dum aŭtuno 1971 speciala vagonaro de distrikto Dresden vojaĝos kun ĉirkau 200 esperantistoj el GDR al Soveta Unio, kun la ĉefcelo Leningrad. La prezo por 10 tagoj estos ĉirkaŭ 600 markoj. Eblas ankaŭ la partopreno de familianoj. Gvidantoj de la vojaĝo estos esperantistoj. Antaŭvidatas amikaj renkontiĝoj kun sovetaj esperantistoj. Interesuloj bv. anonciĝi ĉe *Walter Röhner, 8122 Radebeul, Jägerhostraße 4.*

---

## Komuniko de la redakcio

1971 aperos 6 numeroj de nia organo, po 24 paĝoj. La prezo de ĉiu numero estas 30 pfenigoj. Ĉiu distrikto aŭ subdistrikto do povas organizi la abonadon de la revueto por 1,80 plus sendkostoj.

# El la distriktoj

## Distrikta renkontiĝo en Berlin

Pli ol 50 geesperantistoj el Berlino kunvenis la 24-an de oktobro 1970 okaze la dua distrikta renkontiĝo en Glienicke/Nordbahn. La ĉefreferaĵon faris la sekretario de la Centra Laborrondo Esperanto de GDR, *Detlev Blanke,* kiu resumis la ĝis nun atingitajn sukcesojn de la esperantistoj de GDR dum la lastaj 5 jaroj, atentigis pri la ankoraŭ forigendaj mankoj kaj skizis la perspektivon por la 70-aj jaroj. Sekvis diskuto pri la konkretaj porberlinaj taskoj. La tri rezolucioj de la V-a MEM-konferenco (Vieno 1970) estis unuanime akceptitaj kiel subtenendaj. Posttagmeze oni montris la GDR-kolorfilmon en Esperanto „La GDR en sia 20-a jaro". Pri la 55-a UK raportis s-ro *E. Schonert,* la estro de la distr. laborrondo. Sekvis lumbildoj pri la UK kaj la TEJO-Kongreso en Graz. La veperon finigis prezentado de sondiskoj kaj ties trafa komento far *Dro H. Eichhorn* kaj komuna kantado.

## Distrikta esperantista renkontiĝo en Saalfeld

La esperantistoj de la distrikto Gera okazigis la 17-an kaj 18-an de oktobro 1970 sian distriktan renkontiĝon en la pitoreska urbo Saalfeld. Partoprenis pli ol 30 geaktivuloj. La unua distrikt-sekretario de la Germana Kulturligo, *Walter Schilling,* substrekis en siaj salutvortoj la gravecon kaj la kreskantan aprezon de la agado de esperantistoj en tiu ĉi distrikto.
*Detlev Blanke,* la sekretario de Centra Laborrondo Esperanto de GDR bilancis la ĝisnunan 5-jaran periodon en la aktivado de la esperantistoj de GDR kaj perspektivis la pluan evoluon atentigante je kelkaj ĉeftaskoj i. a. *la stabiligo de la grupoj, la aktivigo de ĉiuj esperantistoj, la aktivigo de la junulara laboro kaj la konsiderinda altigo de la lingva nivelo.* Akceptiĝis unuanime kiel subtenendaj la 3 rezolucioj de la V-a MEM-konferenco 1970 en Vieno. *Dro Fitzenreuter* de la mondfama uzino Carl Zeiss-Jena skizis la pasintecon, la estantecon kaj futuron de ĉi-tiu giganta entrepreno. Tio, lumbilprezentoj pri la UK Vieno, la TEJO-Kongreso en Graz kaj pri ferioj en Hungario same kiel dancado ĝis profunda nokto kaj dimanĉa muzea vizito faris tiun renkontiĝon bona kaj optimismiga por la estonto de la ĉidistrikta agado de la esperanto-amikoj.

## Esperantistaj numismatikistoj

certe interesiĝos pri jenaj 4 titoloj, haveblaj ĉe DKB Rostock, Kröpelinerstraße 25, GDR:

1. Chronik der I. Münzausstellung mit internationaler Beteiligung, Ostseewoche 1966, Rostock, 100 pĝ. XXXVI bildtabuloj.
2. Katalog der II. Internationalen Münzausstellung, Ostseewoche 1968, Rostock, 100 pĝ.
3. Chronik der II. Internationalen Münzausstellung, Ostseewoche 1968, Rostock, 76 pĝ.
4. Katalog der IV. Bezirksmünzausstellung zu Ehren des 100. Geburtstages von W. I. Lenin, Rostock 1970, 25 pĝ.

## Radio Gdansk

sendas ĉiun duan kaj kvaran vendredon kaj sabaton en Esperanto. Vendrede 23,40 Greenwich-tempo, 230, 278, 1322 m, sabate 12,30, kurtond. 19,8; 30,8; 31,1; 31,4; 41; 48; 49 m kaj ultrakurtondo 66,29 MHz. Skribu al Pola Radio, Esperanto, G d a n s k.

# INFORMOJ

**El soveta letero . . .**

„Estimataj geamikoj, legante nialandajn revuojn, ĵurnalojn, gazetojn k. c., ni trovas multajn interesajn artikolojn, eseojn, rakontojn, humuraĵojn. Ofte aperas bedaŭro, ke ne legas ilin ankaŭ vi. Ni certas, ke same bedaŭras vi, legante vialandajn presaĵojn.
Kial ilin ne traduki? Kial ne interŝanĝi la tradukaĵojn? Kial ne kunlabori? Vi kaj ni eĉ povas mendi iujn artikolojn pri interesanta temo.
Eble la sendota tradukaĵo estos tiom alloga, ke ĝi indos aperigon en la nacia lingvo. Bone! Eblas ricevi honorarion. Se nia artikolo aperos ĉe vi, apude nepre aperu titolo de la stoko (revuo, gazeto k. s.) kaj la vortoj „tradukitaj el Esperanto". Se via artikolo trapasos en nian gazetaron, kontraŭ la honorario vi ricevos iun belan suveniron el Uzbekio.
Ni atendas, ke kun ni kunlaboros esperantistoj, bone regantaj la lingvon, emaj tradukadi kaj legi niajn tradukojn. Gvidantoj de progresivaj kursoj, ni opinias, ke viaj kursanoj pli intense eklaboros sur traduka kampo, ja ili havos stimulon! Plejverŝajne nia kunlaborado donos belajn fruktojn . . .".
Interesiĝantoj konvolu skribi al: *Junulara Esp. Klubo, abon. kesto 140, Taŝkento-Poĉtamt, Uzbekio, USSR.*

**Esperantista junulara tendaro en Kiev**

Dum aŭgusto 1971 okazos 10-taga junulara tendaro en Kiev, Soveta Ukrainio, kiun povas partopreni ĉirkaŭ 500 gejunuloj. En la provizora programo enestas i. a. seminario de aktivuloj, belartaj vesperoj, literatura, oratora, sporta konkursoj, dancvesperoj, sciencaj kaj pedagogiaj seminarioj kaj kompreneble multaj aliaj amuzaj aranĝoj. Partoprenkostoj (inkluzive restado) ĉirkaŭ 30 rubloj. Limdato por aliĝo estas la 31-a de marto 1971. Informojn donas *Kieva Politeknika Instituto, Esperanto-Klubo, Kiev-56, Soveta Unio*

**XII-a Baltmara Esperanto-Tendaro**

La XII-a BET okazis la 1-an ĝis 10-a de aŭgusto 1970 en Kretinga, Litova SSR, kiun partoprenis 319 esperantistoj el diversaj lokoj kaj respublikoj. Malferme salutvortojn trandonis partiaj kaj urboinstancaj eminentuloj. La tendumantoj laboris en diversaj sekcioj, ekzemple literatura, ĵurnalista, kaj sporta. Okazis seminarioj por kursgvidantoj kaj kursoj por komencantoj kaj progresintoj. Speciale kunvenis medicinistoj, naturamikoj kaj teatroamatoroj. La tradicia Somera Universitato, sub la rektoreco de profesoro dro. I. Dragys, Vilnius, pritraktis interesajn temojn.
Sursceniĝis la spektakleto „Tri porkidoj". La XIII-a BET verŝajne okazos 1971 en Jurmala. Informojn ĉe *Sally Lomp, Viljandi, Liunase 2—5, Estona SSR, Soveta Unio*

**Kommission Arbeiter-Esperanto-Bewegung**

Am 19. 12. 70 tagte beim ZAK die Kommission zur Erforschung der Traditionen der Arbeiter-Esperanto-Bewegung, an der 8 Bundesfreunde teilnahmen. Alle Esperantofreunde werden aufgerufen, möglichst alle Materialien über LEA, SAT usw. dem ZAK bekanntzugeben oder zur Fotokopierung zur Verfügung zu stellen. Kein Dokument darf verloren gehen! Forscht bei Bekannten! Sprecht mit Euch bekannten Bundesfreunden! Nehmt unverzüglich Kontakt auf mit dem Zentralen Arbeitskreis!

# INFORMOJ

**Beethoven-festivalo**

La 3-an ĝis 7-an de julio 1970 okazis en Opava la II-a Esperantista Kulturfestivalo okaze de la 200-a datreveno de naskiĝo de Ludwig van Beethoven. 150 esperantistoj el 5 landoj partoprenis. Prelegoj pri Beethoven, aŭskultado de liaj verkoj, ekskursoj kaj multaj aliaj interesaj programeroj karakterizis la altnivelan aranĝon, kiu organiziĝis sub la aŭspicioj de la ĉeĥoslovakia UNESCO-komisiono.

**„Aŭroro" 50jara**

Ĉiu esperantisto ŝatas konatiĝi kun eksterlandaj amikoj. Mi renkontis jam multajn esperantistojn el diversaj landoj, sed unu renkontiĝo restos por ĉiam en mia memoro. Foje mi havis la okazon, travivi mian libertempon kun blinda esperantisto, kun kiu mi amikiĝis. Li estis el Praha.
Dum du semajnoj mi estis ĉiutage kun li. Dum tiu tempo mi eksciis multe pri la vivo de blinduloj kaj ankaŭ pri blinduloj-esperantistoj. Ofte mi laŭtlegis al li el Esperanto-gazetoj kaj libroj. Sed ankaŭ li laŭtlegis al mi el la blindula Esperanto-gazeto „Aŭroro". Tiam mi vidis tiun ĉi revuon la unuan fojon. Antaŭ nelonge mi legis, ke ĝi festas en tiu ĉi jaro la 50jaran datrevenon de sia apero. Por ĉiu blinda esperantisto ĝi certe estas interesa legaĵo, ĉar ĝi enhavas informojn pri la vivo de la blinduloj en la plej diversaj landoj. Ĝi aperas 6foje jare kaj ĉiu numero havas 40 paĝojn. Legantoj el pli ol 30 landoj atendas ĉiun duan monaton sian revuon. Ĉiu interesulo povas senpage ricevi provnumeron por ekspozicioj, propagando, arkivo ktp. Esperantistoj-blinduloj povas ĝin „aboni" senpage ĉe la adreso: *Aŭroro, redakcio Zora, Krakovska 21, Praha 1, Ĉeĥoslovakio.* Se vi eble konas blindajn esperantistojn, atentigu ilin pri tiu ĉi revuo. Ili certe ĝojos pro la interesa legaĵo.

*Dieter Berndt*

**Nuntempa Bulgario malaperis**

Kun granda bedaŭro la esperantistoj de GDR konstatas la malaperon de la ĉie en la mondo konata kaj altnivela bulgara Esperanto-revuo „Nuntempa Bulgario". Vere, malaperis riĉa fonto de informoj pri la moderna Bulgario, kiu iĝis unu el la standardlegaĵoj por multaj esperantistoj. Strange la gazeto ĉesis aperi meze en la jaro. Ni forte esperas, ke NTB baldaŭ denove aperos. Al tiuj esperantistoj, kiuj perdis la abonon de tiu-ĉi gazeto kaj al ĉiuj aliaj ankaŭ, ni konsilas aboni la altnivelan kaj ampleksan revuon „Hungara Vivo", kiu en plej bela ekipo raportas pri la amika Hungario, kaj enhavas multajn priesperanto-movadajn artikolojn de eminenta valoro. La revuo aboneblas ĉe *Postzeitungsvertrieb der DDR, 1004 Berlin, Fruchtstraße 3—4*

**MEM-aktiveco en Miedzygorze**

Dum la VI-a Internacia Esperanto-Feriado en la pitoreska ripozloko Miedzygorze, septembre ĉijare okazis internacia MEM-kunveno. Estis akceptita rezolucio kontraŭ la imperiismaj usonaj agresoj en Hindoĉinio kaj subtene al la agado de MEM. Same oni kolektis abonojn por Paco 1971.

**Du libroj el Hungario:**

„La sep reĝidoj" (buntkolora fabela libro, luksega) ĉ. 6 markoj, „Amo kaj Libero" poemoj de S. Petöfi, trad. K. Kalocsay, 260 pĝ. Antaŭmendojn ĉe Centra Laborrondo.

# INTERNACIA LINGVO KAJ FILATELO

**Nova poŝta Esperantostampo en GDR**

Glauchau 3. – 10. 9. 1970 Teksto: ESPERANTO-TREFFEN DDR 1970
Oschatz 11. – 20. 9. 1970 KARL-MARX-STADT 25. – 27. 9. 1970
Wismar 21. – 30. 9. 1970




**Novaj poŝtaj E-stampoj en la jaro 1970**

| | | |
|---|---|---|
| Lodz 1 | januaro | E-konferenco de instruistoj |
| Monte Carlo | marto majo | 62a franca E-kgr - 4 tipoj - |
| Poznan 9 | 8. 3. | Internacia Tago de Virinoj |
| Aachen 1 | marto | E-kgr |
| Szczecin | majo | E-renkontiĝo |
| Jönköping | majo | 64-a nacia E-kgr |
| Rimini | majo | 22-a IFEF-kgr |
| Krakow | junio | 100 jaroj de Lenin |
| Opava | 3. 7. | 2-a kultura festivalo |
| Podebrady | julio | 10-a E-renkontiĝo |
| Bialystok | julio | 2-a kultura festivalo |
| Mieres | julio | 30-a hispana E-kgr |
| Takatsuki | julio | 57-a japana E-kgr |
| Augsburg | julio | 43-a SAT-kgr |
| Wien | aŭgusto | 55-a UK (ciferoj 1–4) |

**Peto al niaj Esperantoamikoj en GDR**

*Certe al vi ĉiuj estas konataj la poŝtaj stampoj de Karl-Marx-Stadt, tiu pri la 80-jara jubileo de Esperanto kaj la nuna. Tiaj stampoj estas efikaj propagandiloj, etafiŝoj trovantaj vojon al centmiloj da homoj en nia respubliko kaj en eksterlando.*

*Dum lastaj dek jaroj mi okupiĝis pri kolektado de tiuj poŝtaj dokumentoj kaj preparis ekspozaĵon filatele aranĝitan pri Esperanto. Intertempe ĝi trovis lokon en plej altrangaj naciaj k internaciaj ekspozicioj, i. a. en PRAGA 68 kaj SOFIA 69.*

*Por kompletigi la ekspozaĵon mi bezonus la helpon de ĉiuj niaj lingvogeamikoj en GDR. Mi serĉas ankoraŭ multajn poŝtajn stampojn k poŝtmarkojn pri Esperanto, uzitaj, neuzitaj, sur pk aŭ kov., kongreslegitimilojn, glumarkojn k kongresinsignojn.*
*Kiu helpas?*

*Rudolf Burmeister*
*9033 Karl-Marx-Stadt, Wilhelm-Wolff-Straße 1*

## LA GAZETARO PRI NI

Multaj gazetoj raportis *antaŭ* kaj *dum* la unua *Centra Renkontiĝo de la Esperantistoj de GDR* en Karl-Marx-Stadt (26./27. 9. 1970). Post du gazetkonferencoj estis disvastigitaj kelkaj ADN-informoj, kiuj menciiĝis en radiaj raportoj kaj represiĝis en diversaj gazetoj, laŭ nia ĝisnuna superrigardo en jenaj:

*„Freies Wort"*, Suhl, 14. 9. 70, informas bone pri la preparata renkontiĝo kaj la agado de esp. en GDR.

*„Volksstimme"*, Magdeburg, 8. 9. 70, pri la Centra Renkontiĝo

*„Sächsisches Tageblatt"*, Dresden, 9. 9. 70, bona informo pri la prep. Centra Renk. kaj la agado de la esp. en GDR

*„Neue Zeit"*, Berlin, 8. 9. 70, anonco de la Centra Renk., same en

*„Bauernecho"*, Berlin, 8. 9. 70, *„Märkische Volksstimme"*, Potsdam, 26. 9. 70, *„Sächsische Zeitung"*, Dresden, 8. 9. 70

Pli ampleksajn informojn pri la Centra Renkontiĝo kaj la aktivado en — kaj eksterlanda troviĝis en *„Azet-Abendzeitung"*, Leipzig, 7. 9. 70, *„Die Union"*, Dresden, 10. 9 .70; 11. 9. 70; 29. 9. 70; *„Die Union"*, Karl-Marx-Stadt, 2. 10. 70; 25. 9. 70; En ampleksaj artikoloj raportis pri la Renkontiĝo *„Liberal-Demokratische Zeitung"*, Halle, 26. 9. 70, *„Neues Deutschland" (Respublika eldono!!)* 26. 9. 70, *„BZ am Abend"*, Berlin, 26. 9. 70, *„Freie Presse"*, Karl-Marx-Stadt, 28. 9. 70, *„Sonntag"*, Berlin, 11. 10. 70 (mallonge), *„Brandenburgische Neueste Nachrichten"*, Potsdam, 23. 9. 70, (ampleksega: „Faŭsto de Goethe en Esperanto") Pri diversaj aliaj temoj lige kun la en -kaj eksterlanda laboro de la esperantistoj raportis:

*„Werftstimme"* (Warnowerft), Warnemünde, 24. 7. 70, salutletero el Klaipeda okaze de Baltmara Semajno 1970, 1. 8. 70 letereltranĉo de amerikano kontraŭ la usona agreso en Hindoĉinio.

*„Märkische Volksstimme"*, Potsdam, 29. 8. 70, ampleksa artikolo de L. Schödl „Esperanto havas estontecon".

*„Der Schmiedewerker"*, Roßwein, 8. 3. 70, pri Int. Virina Tago, salutoj el Leningrad

*„Märkische Volksstimme"*, Potsdam, 11. 9. 70, pri loka agado pri sama temo *„Thüringer Neueste Nachrichten"*, Erfurt, 14. 8. 70

*„Thüringer Landeszeitung"*, 11. 9. 70, pri loka agado
*„Der Morgen"*, 6. 9. 70, pri pola Esperanto-gazeto por blinduloj; same la lecionoj de Peter Levsen kun informoj

*„Freie Erde"*, Neubrandenburg, 11. 8. 70, pri la Leninseminario en Torun/Pollando, ampleksa artikolo

*„Das Volk"*, Erfurt, 5. 9. 70, pri novaj kursoj

*„Sächsische Zeitung"*, Bautzen, 4. 9. 70, pri prelego

*„Norddeutsche Neueste Nachrichten"*, Rostock, 11. 9. 70, pri la 5000-a disaŭdigo de Radio Varsovio.

**La VIa Internacia Esperantista Ferio en Miedzygorze**

Estas jam tradicio, ke la *Pola-Esperanto-Asocio* kune kun la *Feria Fako de Polaj Sindikatoj* aranĝas internacian *Esperanto ferion en Pollando,* en la bela ripozloko *Miedzygorze* en mezmontara regiono de Kłodzko. Pli ol *250 partoprenantoj* de la 14taga feriado, inter ili 65 eksterlandanoj el Hungario, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Germana Demokratia Respubliko, Svedio, Sovetio, Rumanio kaj Germana Federacia Respubliko estis tre bone loĝigitaj kaj nutritaj en la granda ripozdomo de la Polaj Sindikatoj „Gigant".

La eksterordinare bonaj *kulturaj programoj,* en kiuj sin prezentis tre talentaj artistoj, kantante kaj ludante pianon kaj violonon, konatigis la aŭskultantojn kun mondfamaj polaj verkistoj kaj komponistoj. Ankaŭ la fama regiona *infandancensemblo,* prezentis tre ĉarmajn popoldancojn. Bone aranĝita estis ankaŭ la *Internacia-Estrada-Vespero,* dum kiu ĉiu nacia grupo prezentis specialan kulturprogramon. El nia grupo de la GDR tri geamikoj deklamis esperantlingvajn kaj germanlingvajn poemojn kaj la tuta grupo kantis esperantlingvajn kanonojn kaj germanlingve: *„Sah' ein Knab' ein Röslein steh'n . . ." La aŭtobus-kaj piedekskursoj* tra la regiono kaj en la belegan naturon de la montaro plaĉis al ĉiuj. Sed la plej grava afero por ni estis denove la ebleco pere de uzado de nia internacia lingvo konatiĝi kaj amikiĝi kun amikoj el diversaj landoj kaj tiamaniere praktiki la popoloj-amikecon. Ĉiu havis ankaŭ sufiĉe da eblecoj por plua kaj plia lernado kaj por pli perfektiĝi en nia lingvo. Preskaŭ ĉiutage okazis *fundamenta kurso,* en kiu S-ro *Marian Tyszkiewicz* tre bone klarigis fundamentajn gramatikaĵojn. *La konversacian kurson* gvidis S-ro *Stanislaw Swistak* per vigla kaj tre humora maniero. Li, nia ĉiam ĉarma kaj afabla „marmoto" faris preskaŭ ĉion: Li anoncis la tagan programon, aranĝis kaj gvidis kulturajn kaj amuzajn vesperojn, gvidis diskutojn pri la estonteco de Esperanto, tradukis salutparoladojn kaj la klarigojn de la ĉiĉeronoj dum la ekskursoj. Li meritas nian specialan dankon!

En tute oni povas konstati, ke la programo de la ferioj estis tiel multflanka kaj riĉa, ke ĉiuj povis esti kontentaj.

La 7a Intern. Esper. Ferio okazos en 1971! *Fritz Hoffmann*

---

(daŭrigo de pĝ. 22)

*„Liberal-Demokratische Zeitung"*, Halle, 20. 8. 70, pri la GDR-libro, tre ampleksa, 14. 10. 70, pri salutoj ricev. el Miedzygorze.

*„Sächsisches Tageblatt"*, Dresden, 29. 9. 70, pri la kolora GDR-filmo en Esperanto

*„BZ am Abend"*, Berlin, 30. 10. 70, pri la dua distrikta renk. en Berlin, same *„Der Morgen"*, 20. 10. 70

*„Die Trommel"*, Berlin, 1. 9. 70, organo de la pionira organizo de GDR, ampleksa interesa artikolo „Ĉu oni en la jaro 2000 parolos nur kelkajn lingvojn aŭ, idealokaze, nur unu mondlingvon?" resp. pozitivas por planlingvo, ne menciante Esperanton.

# KORESPONDDEZIROJ

## Bulgario

40 geinstruistoj (26—40 j.), komencantoj, deziras korespondi kun gekolegoj de la tuta mondo. Certa respondo. Skribu al: Hristo Dolĉinkov. str. D. Ivanov 7, **Veliko Tirnovo,** Bulgarujo.

## ĈSSR

ESPERANTO-RONDETO SZK **BUĈOVICE,** Ĉeĥoslovakio, serĉas korespondamik/in/ojn por rondetanoj / 13—60 jaraj / el la tuta mondo! Ni proponas interŝanĝi bildkartojn, uzitajn poŝtmarkojn kaj aliajn aĵojn laŭ propra interkonsento. Respondo certa!

## DDR

Dez. koresp. per bildkartoj Friedrich Hirschleb, 53 **Weimar,** Hens-Str. 20.
Mi kolektas la „kanton de la tutmonda junularo" en ĉiuj lingvoj, krome pm, bk, alumet-etikedojn, Gerhard Hegewald, 6506 **Ronneburg,** Wohnlager 21/10.

## Hungario

Membro de Fe-Ki-Ma-Klubo, 23 jara esp-ino, kol. pm, malgrandajn pupetojn. Livia Kubanyi, **Ecser,** Bajcsy ut. 13.

## Pollando

Dez. koresp. tutmonde, 24 jara pentristo, instr. de skoltoj, edziĝema. Zbigniew Sidor, **Bydgoszcz 1,** str. Torunska 194,
Membroj de la e-o-rondeto en Wrzacha dez. koresp. kun DDR-esp-istoj Jozef Roman Maksymiak, Ciechomice 38, pta **Wrzaca,** pow. Stupsk, woj. Koszalin.

## Rumanio

80 gelernantoj (13—16 j.) serĉas korespondamikojn en DDR. Petu adresojn de: Rumanio, **Suĉeava I.** Casa Pionerilor, Esperanto-Rondo.
Turistprospektojn pri nordo de Rumanio senpage sendas al Vi S-ro Sandu Alexandru, O.N.T. **Suĉeava I,** Rumanio.
Rumanaj geesperantistoj (17—27 j.) deziras korespondi kun Vi. Petu adresojn de: Rumanio, **Suĉeava I,** PO Box 41, S-ro Mihail Petre Dunĝeanu.
F-ino Cazacu Ileana, str. Haŝdeu 10, **Craiova,** Rumanio; interŝanĝas kolorajn il.p.k. kun lernantoj 17—18 j.
F-ino Doina Maria Mironescu, Complex Studentesc Haŝdeu 45, Cam III, Camera 21, **CLUJ,** Rumanio, studentino de medicino, 22 j., serĉas amikojn en la tuta mondo.
F-ino Moise Maria, str. Slavici 55, **Jimbolia-Timiŝ,** Rumanio; instruistino, 22 j., kolektas kol.il.p.k.-oj.
S-ro Doru Georgescu, str. Exercitiu 26, **Piteŝti,** Rumanio; lernanto, 17 j., dez. korespondi.
S-ro Marcel Scarlat, Bloc G-3, Scara B 22, **Alexandria,** Rumanio; studento, 20 j., kun samfakulinoj.
F-ino Munteanu Domnica, Institutul Pedagogic, **Suĉeava I,** Rumanio; studentino, 19 j., dez. interŝanĝi BK.
S-ro Marcoci Teodor, str. Unirii 54, **Piatra-Neamt,** Rumanio; laboristo, 27 j., kun samaĝaj fraŭlinoj.
F-ino Dinu Tania, Liceul Pedagogic, **Cimpulung-Muscel,** Rumanio; lernantino, 18 j., dez. interŝ. BK.

## Soveta Unio

Dez. koresp. kaj kol. pm, kol. bk, Vincas Rakauskas, **Vilnius 9,** paŝto dezute 289, Lietuva SSR.
Metiisto, 23-jara, dez. koresp. pri muziko, sporto, tekniko, filatelio, lingvoj, arto, Aleksandras Rimkeviĉius, **Klaipeda,** p./D. 144, Litovio.
Kol. pm pri britaj kolonioj, Henrikas Krasauskas, **Pasvalys,** Kalno g. 2, Litovio.
Kol. pm pri faŭno, flaŭro, sporto, kosmo, 28-aĝa, Vidas Liubinas, **Kazlu Ruda,** Taikos 12. Litovio. koresp. ankaŭ ruse.
Dez. koresp. kaj interŝ. bk kaj div. materialojn:
Soboleva Margarita, 27-jara, librotenistino, **Ĥarkov-9,** Gargarina 264, kv. 8.
Ŝiŝkin Viktor, 22-jara, laboristo kaj univ. studento, **Ĥarkov 23,** Puŝkiskaja 106, dom 34.
Nikolenko Aleksandra, 18-jara, studentino de teknikumo, **Harkov-89,** prosp. Frunze 63. kv. 34.
Martinenko Aleksandra, 19-jara, laboristino, **Ĥarkov-3,** Kooperativnaja 26, kv. 15.
Kuzjmenko Oksana, 22-jara, filologia studentino de muziko, **Ĥarkov-23,** ul. Dzezjinskego 91, kv. 10.
Ŝmalko Vladimir, 22-jara, univ. stud. **Ĥarkov-24, Ĉajkovskaja** 5. kv. 59.
Oljĥovskaja Ljudmila, 21-jara, univ. stud. **Ĥarkov-58,** Danilevskogo 29, kv. 39, kv. 10.
Dezeza Tamara, 10-jara, univ. studentino, **Ĥarkov-9,** Vokzaljnaja 58/15.
Maljuta Leonid, 21-jara, univ. studento, **Ĥarkov-105,** Ĉetvertij Zeznovoj pr. 2.

**Herausgeber: Deutscher Kulturbund (Zentraler Arbeitskreis Esperanto der DDR). Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstraße 60. Fernruf: 22 59 91.**
**Verantwortl. Redakteur: Detlev Blanke, Redaktionskommission: Otto Bäßler, Eugen Menger, Dr. Hans Eichhorn, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Rainer Knapp, Willi Vildebrand.**
**Veröffenlicht unter der Lizenznummer 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf. – Druck: Druckwerkstätte Glauchau Julius Pickenhahn KG III-12-8 25**